**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7, Telefono 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 1·80, duonjaro: 1·—, unu ekz.: 0·20 USA dolaro, specimeno: 1 resp. kupono**

## Ĉefredaktoroj: Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**ĈEFKUNLABORANTOJ:** J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann, (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallin), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Ladislao Halka (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmő), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), L. E. Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun desegnitaj aŭ tre klare skribitaj literoj.

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**Aŭstralio** L. E. Thomson, *Pymble N. S. W.* Tallangetta, Church str.

**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58. Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*. Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.

**Britujo:** Alec Venture, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.

**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.

**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralové*.

**Danujo:** Isoŝek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21.

**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.

**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e, 11 rue de Sèvres

**Germanujo:** Postĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin* 138084

**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a

**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.

**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11.
La Suda Stelo *Slavonski Brod* Poŝtfako 44.

**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosĉi Warszawa P. K. O. Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.

**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.

**Norvegujo:** Henrik Seppik, *Slavanger*.

**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99
Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.

**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15

**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578

**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34.

**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Uŝigomeku, Ŝin' Ogaŭamaĉi III.

**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel



ĈEĤOSLOVAKA NUMERO

# LA PLEJ JUNAJ ĈEĤOSLOVAKAJ POETOJ

— H. B. KVĚTOŇ —

La plej nova ĉeĥoslovaka lirikista generacio — poetoj naskiĝintaj en la kuranta jarcento kaj komencintaj verki post la monda milito — tute ŝanĝis la karakteron de ĉeĥoslovaka poezio. La milita tempo de malsato, malsano kaj morto, la postmilita tempo de grandegaj teknikaj progresoj kaj social-ekonomiaj reformoj kaj revolucioj inspiris ne sole novajn opiniojn kaj sentojn, sed ankaŭ novajn esprimojn kaj esprimilojn, ne sole aliajn rigardojn, sed ankaŭ aliajn ilojn de la liriko. Kompreneble la studo ĉe antaŭmilitaj hejmaj kaj modernaj fremdaj — precipe francaj — poetoj (Rimbaud, Apollinaire, Cocteau k. a.) ne restis sen influo je tiu ĉi grupo de junaj verkistoj, kiuj per sia propra formo bildigis idealon kaj ĥaoson de la postmilita tempo.

Ilia poezio respondas tiom fidele al sia tempo, ke kun la situacio en la mondo ŝanĝiĝis ankaŭ la vojoj de la senteme kaj rapide reagantaj poetoj. En la unuaj postmilitaj jaroj de terura laciĝo la verkoj de Wolker montras kristanan humilecon, laŭdon pri simplaj ĝojoj de la vivo, plezuron kaj dankon pro la libereco, pro la sola vivo. Sed tre baldaŭ en la jaroj de socialistaj reformoj kaj kolektivistaj provoj, la verkoj de Wolker, Seifert kaj Biebl reprezentas revolucian proletan poezion, kiu neas ĉian individualismon kaj fariĝas ilo de klasa batalo por la kolektivismo. Tiun ĉi vojon la junaj lirikistoj forlasis, kiam venis dumtempa, relativa reordiĝo de sociaj rilatoj. Tiame Seifert, Biebl kaj Nezval ekiris — ŝajne ne logike — tute kontraŭan vojon: tiun de sentendenca kaj senideologia, idilia kaj ludema poetismo, vojon de fuĝo el la mondo de problemoj al la pura arto de vorto. Fine venis reveno al la socia poezio, kompreneble kun ŝanĝita esprimaro, poezio, kiu nun regas la ĉeĥoslovakan lirikon, kies motivo ne estas ekstersocia »mi«, sed sociitaj »ni«. Komuna bazo de ĉiuj ĉi tendencoj estas internacia — standardon de nacionalismo portas lirikuloj el la antaŭmilita epoko (Dyk, Medek); fakto rimarkinda ĉe nacio reakirinta sian liberecon kaj renoviginta sian ŝtaton.

La spaco de la tie ĉi rezervita loko ne permesas priparoli la fruktojn de la nova ĉeĥoslovaka poezio, ĉu de la poetoj jam nomitaj, ĉu ne nomitaj (Píša, Kalista, Halas, Zahradníček, Závada k. a.) Tamen decas aludi almenaŭ la plej rimarkindajn:

Reprezentanto de la ĉeĥoslovaka proleta poezio kaj la plej talenta kaj populara ano de tiu ĉi postmilita generacio estas *Jiří Wolker* (1900—24), kies verkaro estas senĉese reeldonata kaj kiu trovis multajn epigonojn. Lia unua libro de poemoj »Gasto en la domon« (1921) apartenas al tiuj kristane humilaj verkoj, sed jam la dua libro de lirikaĵoj kaj baladoj »Peza horo« (1922) estas bela verko de la socia patoso. Lia plej ŝatata poemo estas »Balado pri okuloj de hejtisto«, kies laboro en elektrouzino donas al la homoj lumon, sed al li mem forprenas la vidon.

Sur la unua loko, kiel reprezentanto de ĉeĥoslovaka poetismo, nun staras la plej produktema el tiu grupo *Vítězlav Nezval* (1900), kies lirikaj cikloj »Ponto«



Otto Gutfreund: *Monumento al Avinjo* (ĉefa figuro de plej populara romano de Božena Němcová)

# LA SALIKO

**— Karel Jaromír Erben —**

El la ĉeĥa: *Miloš Lukáš.*

Li al matenmanĝo venas,
La edzinon ĉirkaŭprenas:
»Edzinet', vi estas bona,
Tre sincera kaj sindona —
Nur koncerne ĉi aferon
Vi ne volas diri veron.
Jam la dua jaro pasas,
Dum min tio embarasas.
Aŭdu: strange estas por mi,
Kiel vi kutimas dormi.
Vi — dumtage vigla, forta —
Nokte kuŝas kvazaŭ morta,
Sen ekspiro, sen ekmovo,
Sen signet' de vivipovo ...
Via korpo, krom ĉi tio,
Pli malvarmas ol glacio.
Por vin veki, estas vana
Eĉ la laŭta plor' infana!
Edzineto — ĉu ne vere? —
Vi malsanas tre danĝere?!
Kontraŭ tio scias oni
Saĝan ja konsilon doni.
Herbojn vi sur kampo trovos,
Kiuj vin sanigi povos.
Se en herboj mankas forto,
Nepre helpos sorĉa vorto.
Sorĉa vorto nubojn sendas,
Ŝipojn dum venteg' defendas,
Ĝi eĉ fajron estingigas,
Rokon rompas, drakon ligas!
Stelojn movas vort' magia —
Fidu do al povo ĝia!«
»Mia edzo kaj sinjoro,
Vana estus la esploro!
Kontraŭ Sorto — sen utilo
Restas ĉia kuracilo.
Kion Parco ja aranĝas,
Tion homa vort' ne ŝanĝas.

Se mi kuŝas sen konscio,
Tamen min protektas Dio.
Ĉiam min — mi kredas firme —
Dia mano gardas ŝirme:
Post la mortsimila sveno
Mi viviĝas en mateno.
Nun mi sana estas, vidu —
Tial nur al Dio fidu!«
Sinjorino, vi eraris:
La sinjor' alion faris ...
Sorĉistin' ĉe fajro sidas,
Verŝe akvon ŝi dividas.
Unu, du ... dekdua plado —
Jam finita la verŝado.
»Multon konas vi, patrino,
Pri la homa vivdestino,
Pri malsanoj, pri malĝojoj,
Pri la Mort' kaj ties vojoj.
Diru vi, la multescia,
Veron pri edzino mia!
Ŝi — dumtage vigla, forta —
Nokte kuŝas kvazaŭ morta, —
Sen ekspiro, sen ekmovo,
Sen signet' de vivipovo.
Ŝia korpo, krom ĉi tio,
Pli malvarmas ol glacio.«
»»Tion mi komprenas bone,
Ĉar ŝi vivas nur duone:
La anim' — vi miras pri ĝi?! —
Nokte devas enarbiĝi.
Ĉe l' rivero arbarflanka,
Jen salik' kun ŝelo blanka —
Kaj al ĝi kun ŝi, la juna,
Estas la anim' komuna!« « —
»Ne! Edzinon mi ne ŝatas,
Se kun arbo ŝi rilatas;
Nur kun mi ŝi vivon ĝuos,
La salikon mi detruos!« —

Iris li al la saliko,
Ĝin dehakis ĉe l' radiko;
Kaj la arbo river-meze
En la akvon falis peze,
Sed muĝeto ĝia fina
Sonis kvazaŭ ĝem' patrina —
Kiel se patrin' mortanta
Idon estus forlasanta ... —
»Hom-amas' ĉe domo mia!?
Sonorado!? — Kaŭzo kia?«
»»Mortis, kvazaŭ defalĉite,
Via edzinet' subite!
Falis ŝi — ve, mir-afero! —
Kiel arba trunk' al tero.
Nur ekĝemis ŝi mortante,
De l' infano disiĝante.« « —
»Ve al mi, la senkonsola
Mortiginto kontraŭvola!
La edzinon mi mortigis,
La infanon mi orfigis!
Ho, saliko blankaŝela,
Puno trafis min kruela!
Kion fari nun? Por ĉiam
Vivduonon perdis mi jam.« —
»»El la akvo min eltiru,
Flavajn vergojn vi deŝiru;
Mian lignon lertaj uloj
Sege tranĉu je tabuloj,
Kaj pretigu vi lulilon,
En ĝin metu nian filon:
Kiam ajn en ĝi li kuŝos,
Panjo lin karese tuŝos ...
Vergojn ŝirmu de danĝero:
Plantu ilin ĉe l' rivero.
Vi instruos nian filon
Fari el la ŝel' fajfilon,
Kaj ludante — povos do li
Kun la patrinet' paroli ... « «

Divenado de homa sorto laŭ akvo estas antikva slava kutimo. — La en ĉi-supra balado prilaborita mito devenas el la ĉirkaŭajo de Bydžov (pron.: *biĝof*) en Bohemio. La poeto K. J. Erben (1811—1870), fervora kolektanto de popola poezio kaj specialisto pri la slava mitologio, mem atentigas pri la malordinareco de ĝia sujeto: vivokomuneco inter homo kaj arbo. — Lasttempe la saman poemon tradukis Marie *Under* en la lingvon estonan (»Looming«, decembro 1931, pĝ. 1098 ss.).

*Rim. de la trad.*

---

(1922), »Pantomima«, »Mirinda sorĉisto«, »Malgranda rozuja ĝardeno«, »Diabolo«, »Epitafoj«, »Poemoj sur poŝtkartoj« (1926), »Ĝemeloj«, »Akrobato«, »Hebrea tombejo«, »Matenmanĝo en herbo«, »Poemoj de nokto«, »Johano en funebro«, »Vitra haveloko« (1932) montras neordinaran talenton por ĉiuj formoj de la moderna poezio. Lia plej valora poemo estas »Edison«.

Tipa verkisto de ĉeĥoslovaka poetismo kaj samtempe de proleta poezio estas *Jaroslav Seifert* (1901), majstra ĵonglisto de vortoj en la kolektoj: »Urbo en larmoj« (1920), »Ĉia amo« (1923), »Sur ondoj de senfadena telegrafio« (1925), »Najtingalo kantas malbone« (1926), »Poŝta kolombo« (1929).

Originala poetisto estas *František Halas* (1901), kies lirikaj libroj »Sepio« (1927), »Koko forpelas la morton« (1930), »Belega malfeliĉo« (1931) kaj »Vizaĝo« (1932) penas solvi problemon de neelparoleblo.

Poetismon plenan de malĝojo, soleco, nokto, dormo kaj morto reprezentas verkoj de *Jan Zahradníček* (1905), »Tento de la morto« (1930) kaj »Reveno« (1931).

Virtuozan forman lertecon montras kelkaj verkoj de *Konstantin Biebl* »Vojo al homoj« (1923), »Fidela voĉo«, »Rompo«, »Stelisto el Bagdad« (1925), »Per oraj katenoj« (1926), »Kun ŝipo, portanta teon kaj kafon«, »Nova Ikaros« (1929), »Ĉielo, infero, paradizo«.

Kun tiuj kaj multaj aliaj verkoj la ĉeĥoslovaka literaturo aliĝas al la plej moderna literaturo tutmonda ne kiel sekvanto, sed kiel kunlaboranto.

# Venko de Lumo

– Zdeněk Rón –

La venko de la armeo de Lumo super la vilaĝo Počátky ne estis akceptita de ties loĝantoj spontane, kio cetere estis supozebla pri komunumo, en kiu kelkaj jam malfermis la fenestrojn en la mondon, sed la aliaj ankoraŭ ne. Eĉ male; tiu maljuna kirlilisto el la kabano ĉe la ŝoseo al Vysokov, eĉ nun grumblas kontraŭ petrolo kaj laŭdas seban kandelon, olean lumilon kaj kenon.

Ili ekmarŝis, la bravuloj, en vicoj severe regulaj, trans monton kaj valon, de la elektrejo en Poŕíĉ — kaj en la ĉirkaŭaĵo de unutaga marŝo rapide malmultiĝis tiuj urboj, vilaĝoj, solejoj, kiujn ili ankoraŭ ne invadis. Kaj tiel, la kvietan linion de la horizonto de Počátky-valo, nur tie ĉi kaj tie modere ondantan per betulo aŭ arbusto, rompis vico de nigraj mastoj de elektra konduko. Ĝi alkuris de okcidento, diskuris sur la montetoj, flankiris en la kampojn, kaj ĝuste antaŭ la dometo de Ryzek ĝi atingis la ŝoseon al Vysokov por disiri tra la tuta vilaĝo, ne esceptante la plej kaŝitajn angulojn.

La tagon, en kiu la dupieda masto lokiĝis antaŭ la fenestroj de la dometo de Ryzek, nova gasto, obstina, trudema, ekloĝis en la kirlilista polva mondo. La malamo.

Ĝis nun, Ryzek elpeladis el sia senedzina solejo ĉiun novaĵon per amara ignorado, ĝi estu freŝa idea movado aŭ objekto eĉ plej eta, kiun la aliaj akceptis kiel helpanton kaj amikon.

Jen — la balotado. Se iu baloti!o estis nevalida, certe estis tiu de Ryzek, ĉar lia konvinko estis, ke estas tute egale, ĉu en la komunumo aŭ en la ŝtato regos la ruĝaj, verdaj, nigraj, nigra-flavaj aŭ ruĝa-blankaj. Ryzek donos siajn kelkajn kronojn da impostoj eĉ al la diablo, se nur li havos trankvilon en sia kaŝejo, kie li kaj la maljuna virkato kaj hordo da araneoj malamis freŝan aeron.

Generacioj plendadis pro la malfavora sorto de la vilaĝo, kaŝita malproksime de la mondo, en la montaro. Mankis taŭga vojo — kaj dum la Vysokov-anoj kaj aliaj esprimadis sian kontenton pri la vivado ĉe la ŝoseoj kaj ĉe la fervojo, la Počátky-anoj vegetis kaj vegetadis. Ili ricevis almenaŭ belan, elegantan ŝoseeton, ĉar en tiu montetaro ne estis sufiĉe da spireblo kaj nutro por fervojo. En viglaj serpentumoj ĝi eksaltis de Vysokov sur deklivo, kaj per unu el la graciaj serpentumoj ĝi rondpasis la dometon de Ryzek tiel perfekte, ke, elirante tra la antaŭa aŭ malantaŭa antaŭĉambro, vi senpere kuŝus en ĝia blanka, junfreŝa ĉirkaŭpreno.

Estis stranga kuntuŝo de cirkonstancoj, ke oni



Max Švabinský — *Ĉaso de tigroj.*

tiel zorge havigis oportunan elirejon en la mondon ĝuste al tiu, kiu plej malŝate el la tuta vilaĝo turnis al ĝi la dorson.

Sur la ŝoseo la veturiloj veturas, senbrue, senpene kaj oportune. Ĉevalparo ludfacile veturigas tridek kvintalojn, dufoje dum la tago vi atingas la fervojon. Al Vysokov vi povas iri en lakŝuoj dum tempo, kiam en la koto de la malnovaj vojoj dronas eĉ kvinkilogramaj tibialtaj botoj. Sed Ryzek transportas siajn knediletojn al la magazeno de Werndt en Liberec per ŝovĉareto, same kiel antaŭe. Kaj la malnova, malglata vojo sekvu ja dum tuta horo la glatan ŝoseon, krucu ĝin dekfoje dum la tago, lia ĝi estis, lia! Por moko de homoj kaj por konsolo al malprogresemulo el la antaŭa jarcento.

Kiel alia estis ĉio, antaŭ ol la rabistoj el la Malsupra Lando invadis ĉi tien, en la senventan silenton. Dum la tuta tago eĉ ne unu vivanto estis pasanta preter la fenestroj de la aranea reĝo. Kaj subite tiom da homaĉoj, fiornamitaj, elspezemaj kaj mallaboremaj.

Se iu ekskursas tra Počátky supren, en la montaron, li pekus, se li ne haltus ĉi tie, ĉe la dometo de Ryzek. Ŝatantoj de malproksimaj perspektivoj longege, nesatigeble rendevuis ĉi tie. Kaj serĉantoj de bonanima popolo, se ili haltis, en la fenestron ekrigardis, eniris kaj alparolis, por plimultigi la amasigitan riĉaĵon, foriradis sin konsolante, ke escepto konfirmas regulon. Al la ŝoseo kaj al ĉio, kio amikiĝis al ĝi, Ryzek pagis per dorso kaj per vortoj, kiuj, se ili ne estis malamaj, certe ne disdonis afablaĵojn.

Kaj li estus pasive amikiĝinta eĉ kun tiu ĉi novaĵo, jam pro tio, ke ne ekzistis eblaĵo, nek forto por batali kontraŭ ĝi alie ol per persista ignorado. Kion vi kapablas fari kontraŭ tia ŝoseo, dinamite traborita en roko, kun grandegaj ŝtonaj remparoj, firme kuŝanta sur la deklivo!

Estas amikoj, kiuj estas amikoj sole pro tio, ke ni ilin timas, aŭ ke ili ne timas nin.

Cetere — la nova ŝoseeto neniel venĝis al Ryzek pro lia ignorado. Ryzek daŭrigis fabriki siajn knediletojn kaj ne estis grava por li duontago, ŝparebla, se la ŝovĉareto ŝarĝita unufoje dum la monato por Werndt en Liberec, anstataŭ skuiĝi sur mizeregaj vojoj, estus gaje bruetanta sur la ŝoseo.

Sed venis fremdulo, kiu ne toleris la abstinecon de Ryzek.

— Aŭ vi plene amikiĝos kun mi — tiam mi servos vin. Aŭ vi ekbatalos — kiu venkos?

Kompreneble Ryzek akceptis la batalon, senpripensan kaj malsamŝancan.

Li malgajnis jam en la unua rondo. Masto de elektra konduko lokiĝis ĝuste antaŭ liaj fenestroj. Kaj la komisiono nur ridis, kiam li prezentis siajn bagatelajn kontraŭdirojn, ekzemple, ke la masto ombras al li.

— Elĵetu el la fenestroj ĉiun senbezonaĵon, liberigu ilin de la centjara polvo kaj malpuraĵo, turnu vin al la lumo vizaĝe anstataŭ dorse — kaj tuj estos ĉe vi lume.

Kaj por kompensi al li la iometon da forprenita taglumo, ili muntis sur la maston lampeton, kun ŝirmilo ĝuste kontraŭ la fenestroj. Kaj la forta lumo penetradis dum tutaj noktoj eĉ en la plej kaŝitajn angulojn de la ĉambro de Ryzek. Kaj se li volis konsoli sin, li devis ŝtopi la fenestrojn, kovri ilin per malnovaj surtutoj kaj plendi al sia seba kandelo.

Sed tio estis sole komenco de la malvenko de

## Eklogo

— Štefan Krčméry —

*Nubvetero. Tutsamajna pluvo.*
*Varma pluvo — jen benaĵo dia*
*Por la bonaj mastroj, pandonantoj —*
— — — — — — — — —
*Sed por ni hodiaŭ — suno ĉarma.*

*Suno, sun'! Pentristo admirinda,*
*Kuracist' mirakla, Di-okulo,*
*Di-ridet' por bonaj kaj malbonaj!*

*Jus la mondo — cindre griza tuko.*
— — — — — — — — —
*Jen la sun'! — pentristo admirinda —*
*Per peniko viŝas la grizaĵon*
*Kaj la mondon ŝanĝas je belulo:*
*Nudaj montoj jam smeralde brilas,*
*La arbarojn kovras vest' velura —*
*Sur herbejo nia mil floretoj!*

*Jus la mondo — infanet' plorema.*
— — — — — — — — —
*Jen la suno! — la patrin' afabla —*
*Super ĝi sin amoplene klinas,*
*Kaj ridet', apenaŭ vid ĝ nte,*
*Jam plenigas tute la lu ilon:*
*En okuloj, krom la resto rosa,*
*Klara bril' — ĝojtremas la manetoj.*

*Jus la mondo — kapo doloranta.*
— — — — — — — — —
*Jen la sun'! — mirakla kuracisto —*
*Frap-esploras pacienton sian,*
*Kies membro ĉiu tuj sanegas:*
*Jam sin levas la premita herbo,*
*En aero ludas la abeloj,*
*Turdo en arbaro flutas gaje.*

*Suno, sun' vi granda kaj mirakla!*
*Kiel la paŝt st' elmetis tie*
*La laktaĵojn, tiel mi — pardonu! —*
*Metas al sunlum' animon mian.*
*Same ja ĝi estas uj' valora,*
*Same estas ĝi mucida iom,*
*Kelkaloke eĉ aperas ŝimo:*
*Kiu ĝin ja (kiel nebulrestojn*
*En akseloj de l' montar') elsuĉos,*
*Por ke la anim' arĝente sonu,*
*Se ne vi, vi, plej mirakla suno,*
*Di-ridet' por bonaj kaj malbonaj?*

El la slovaka: *Miloš Lukáš.*

Ryzek.

Okazis, kio neniam estis okazinta al Ryzek, kaj kio lin furiozigis ĝis frenezeco. Same kiel li veturigis la komercaĵon al Liberec, tiel same li ĝin retransportis hejmen, kaj plena de furiozo, li ĵetis la unumonatan laboraĵon en la fornon.

— Sinjoro Ryzek, malaltigu — kaj multe malaltigu la prezojn. Tornisto Havel, tiu unupieda, sciu, liveras por duona prezo.

Tornisto Havel estis jam el la nova generacio kaj la amikecon de la stranga fremdaĵo, li aĉetis al si por kelkaj centkronoj. La amikecon, kiu rentumiĝis.

Jen — invalido, al kiu la milito forglutis piedon, nekapabla ĉe tornilo piedmova, tornis tiel, ke li povis

oferti la komercaĵon por duono de la prezo de Ryzek kaj jam tiu prezo estis ege malalta. Kaj kian komercaĵon! Glatan, belaspektan — ĉu gravas unu plia sekundo? Vi ekfunkciigas la motoreton kaj la tornilo sin turnas kiel diablo.

Ankoraŭ estis tempo. Konkurencantaj firmoj ofertadis motoretojn — unu malplikosta ol alia. Sed tia estis Ryzek. Ne, ne, tute ne! Sed li jam apenaŭ spiris, tiel kaptis ĉe la gorĝo lin, malsatan kaj senfortan, tiu, kies amiko li ne volis esti. Ne plu estis eble ignori, turni la dorson, sin izoli.

Aŭ por, aŭ kontraŭ. Aŭ fali sur la genuojn, peti, sin submeti. Tio ne estis tiom malfacila. Sed li elĵetis la agenton de elektroteknika firmo, proponanta al li motoreton je partopagoj pli ol mizerikordaj.

Aŭ ĉerpi el la lastaj fortoj, eksvingi kaj la frapo falu kien ajn. Eble mi trafos la tempiojn, eble okazos miraklo.

Li ekprenis segilon kaj hakilon kaj, kaŝata de la nokto, li batis la unuan el la armeo de la Lumo. Kiam li subsegis la trian, li ekhenis pro ĝojo. Jen — la meza kuŝiĝis plene, kaj la du ceteraj senpove balanciĝis en la miksaĵo de dratoj kiel pendigitoj en ŝnurmaŝoj.

Li rapidis kun hakilo kontraŭ iliaj ridindaj kapetoj, ornamitaj per porcelanaj butonoj, similaj al tintilaj ĉapoj de mokemaj arlekenoj.

Mi montros al vi motoreton vi, lamul...

»Lamulo« Havel kaj ĉiuj loĝantoj de Počátky eksciis matene dimanĉe, kial iliaj lampetoj estingiĝis nokte kaj kial sur ĉiu masto troviĝas averta tabuleto:

!! Tuŝi la kondukon vivodanĝere !!

La karbiĝintaj restaĵoj de Ryzek diris tion al ili tro okulfrape.

El' la ĉeĥa *Rud. Hromada.*



Jan Štursa : *La vundito*

# FILO

— J. Š. Baar —

Eĉ la maljuna vidvino de la vojriparisto eliris hodiaŭ el sia kabano kaj sidiĝis sur la deklivo, apud la areton de flavaj anseridoj, kiujn paŝtis ŝia plej juna nepino Marjanka. La arbaro bonodoris, la herbejoj floris kaj ĉefe la agrabla maja sunbrilo varme radiis, kaj ĉio ĉi ellogis ŝin eksteren el la ĉambro en la korton, el la korto en la kampojn, ĝis ŝi alvenis al la deklivo, surkreskita de herbaro kaj surplantita per junaj ĉerizarboj. Rivereto malsupre de la deklivo murmuris, la junaj arboj silente, flustre estis konfidantaj unu al la alia ian sekreton, birdoj kantis: sed ĉion ĉi la maljunulino ne aŭdis, ĉar ŝi surdiĝis en sia maljunaĝo kaj per tio kvazaŭ orfiĝis. La vivo glitis preter ŝi silente kaj nenion ŝi eksciis pri ĝiaj ĝoj- kaj malĝojaĵoj. Ankaŭ ŝiaj familianoj ne emis krii al ŝi kaj tiamaniere rakonti al ŝi novaĵojn kaj okazaĵojn de l' tago, kaj tial ŝi malproksimiĝis de la mondo, kutimiĝis al soleco kaj ĝojigis sin ĉefe nur per rememoroj.

Jen, ankaŭ nun, apenaŭ ŝi eksidis kaj la suno ekkisis ŝian kadukan, en tuko firme volvitan kapon, jam ĉio en ŝi svarmas kaj sin movas... Per la malfortiĝintaj okuloj ŝi ekrigardas la ĉielon kaj kiel sur la firmamento pasas delikataj, facilaj blankaj nubetoj, tiel en ŝia animo iras la okazaĵoj el ŝia malriĉa, simpla vivo. La kadukulina koro ekbatas pli forte, ke la avino vidas sin kiel infanon... Tie ĉi, sur la deklivo, same kiel nun Marjanka, kun vipo en la mano, ŝi paŝtadis anserojn, ludadis »blindan avinon«*) kaj antaŭ ol ŝi konsciis tion, la jaroj pasis kaj ŝi fariĝis vera avino surda kaj preskaŭ eĉ blinda...

Memkompreneble, la sepdek jaroj, kiuj kurbigas ŝian dorson, ne estas ludaĵo. Dum vivis la edzo, ĉio estis bona— sed poste la vivo ŝin ekpremis. Kun filo, orfo, ŝi akompanis la mortintan vojripariston al la tombo kaj restis sola en la mondo. Bovinon ŝi havis kaj seniĝi de ĝi ne deziris, ĉar »bovino estas duona vivpano«. La herbaron de la razenoj apudvojaj nun forfalĉadis la edzino de la nova vojriparisto, ŝi mem ne plu rajtis fari tion kaj devis sin treni laŭlonge de la kamporandoj kaj el tie, sur siaj ŝultroj, alportadi por la bovino herbaron kaj fojnon, el la arbaro sternaĵon por ĝia stalo kaj lignaĵon, ofte sub la peza ŝarĝo faletante. La ŝnuraj ŝarĝteniloj sangvundis ŝiajn ŝultrojn, la kolo ŝveldikiĝis, sur la premkontuzita, kaloplena dorso kreskis ĝibo, en la oreloj komencis muĝi kvazaŭ ŝi starus apud kluzo, ĝis fine ŝi plene surdiĝis kaj profunda, muta silento ŝin ekĉirkaŭis...

Tamen, glor' al Dio, pro ĉio ĉi! La filon ŝi eledukis, vivpanon elpenis, la barakon ŝi povis transdoni al li sen ŝuldoj; kiom gravis, ke ŝi kripliĝis?

Vere, ne plu ŝi povas fari krudan laboron, sed vartistino en la familio de la filo ŝi estis dum longa tempo, kiam li estis edziĝinta kun Madla. Infano post infano naskiĝis, jam en vindaĵo ŝi ekzorgis pri ĉiu el ili, arde gardis pri la vivo de ĉiu, kaj apenaŭ unu komencis kuradi, jam alia nova ido kuŝis en lulilo.

Sed jen, nun ankaŭ jam Marjanka forlasis la avinon; knabineto lertmova kiel fiŝeto ŝi fariĝis. Post ŝi verŝajne neniu infano plu naskiĝos ĉe la gefiloj. La lulilon ili ja forigis jam el la ĉambro, do, komenciĝos por ŝi, maljunulino, fine silentaj, senzorgaj tagoj... Preĝejon karan kiam ajn ŝi povos viziti, dormeti, por la fila familio prizorgi kuiradon, ĝoji pri la infanoj kaj ĝui senpenan vivon...

*) Populara ludo de infanoj; unu el ili, kun tuko sur la okuloj, ne vidante la aliajn, klopodas kapti ilin.



Jakub Obrovský: Cigana madono

## Artemis

— Josef Svatopluk Machar —

*El la figuroj marmorecaj*
*De la homara infanaĝo*
*Min ĉiam interesis pleje*
*Artemis.*

*En la lernej' el dorma tedo*
*Min la belsona nomo vekis,*
*Se profesoro diris rüke:*
*Artemis.*

*Zorgante nek rigardon lian*
*Nek la homerajn heksametrojn —*
*Mi vidis nur la gravan, grandan*
*Artemis.*

*Tra mola herb' de l' Erimanto,*
*Kun roso brila sur piedoj,*
*Ĉashundojn kondukante, paŝis*
*Artemis.*

*Neĝblanka vest' la sveltajn flankojn*
*Kaj virgulinan bruston kovris,*
*Sagujon portis sur la ŝultro*
*Artemis.*

*En nigraj haroj — duonluno,*
*Severo en okuloj nigraj —*
*Al sorĉa somernokt' similis*
*Artemis. —*

*Nun certe je l' diar' ne kredas*
*Eĉ la malgrandaj liceanoj,*
*Kaj fabelaĵo estas ankaŭ*
*Artemis.*

*Sed unufoje mi ekkredis*
*Rigardi per okuloj propraj*
*La grandan, ĉarman kaj majestan*
*Artemis.*

*Mi en junio en arbaro*
*Ŝin vidis en kostum' moderna.*
*(Nun al la modo certe cedus*
*Artemis.)*

*En nigra, laŭtalia vesto,*
*Kun ĉapelet' sur nigraj haroj,*
*Jen sur ĉevalo blanka rajdis*
*Artemis.*

*Vizaĝo ŝia pala, grava,*
*En la okuloj — severeco,*
*Konvalojn portis sur la brusto*
*Artemis.*

*Kun vipo en maneto blanka*
*Galopis tra l' arbara ombro*
*Al sorĉa somernokt' simile*
*Artemis.*

*Ho, por rideto unusola,*
*Por ĉirkaŭpren' de l' sveltaj formoj*
*Mi riskus esti Akteono,*
*Artemis!*

El la ĉeĥa: *Miloŝ Lukáŝ*

---

Tiel cerbumas la avino, feliĉa kaj kontenta ŝi rigardas de sur la deklivo la vastan mondon kaj sidas silente, en la suna brilo, kiel skarabeto.

Aha, Marjanka nun ekmemoris ŝin kaj kure venas al ŝi. La kitelo flirtas ĉirkaŭ ŝi kaj la blankaj kruroj fluge petolas, dum ŝi rapidas al la avino. Ŝi amas la avinon kaj per sia tuta koro de infano dependas de ŝi. La avino ŝin ja edukis, instruis preĝi, rakontis al ŝi fabelojn, ŝin vartis sur la brakoj, instruis nomi birdetojn kaj florojn. Ankaŭ la avino amas sian plej junan nepinon plej multe. Ŝia sulka vizaĝo de malproksime jam ridetas al ŝi kaj ŝia malplena, senkolora voĉo, kian havas la surduloj, vokas renkonte al ŝi: »Do venu, mia floreto, venu.«

Marjanka alkuris kiel vento, sidiĝis ĉe la piedoj de la avino, atente kaj longe rigardis ŝian vizaĝon kaj kvazaŭ eĉ ne sentante, ke la avino karesas ŝin kaj interplektas ŝian densan hararon, ŝi subite kaptas la avinon ĉirkaŭ la kolo, tiras ŝin al si kiel maljunan salikbranĉon kaj krias kun sia tuta forto: »Avinjo, kliniĝu, mi ion diros al vi.«

La avino volonte klinas sian grizan kapon tutproksime al la rozkoloraj vangoj de la infano kaj demandas kun ĝojplena rideto:

»Do, kion vi deziras diri al mi, knabineto ora?«

»Panjo tre kverelis kontraŭ vi,« subite elglitis el la infana buŝo senpere en la streĉitan orelon de la maljunulino.

Kvazaŭ la maja suno ne brilus varme, kaj kvazaŭ ekfajfus akra frosta vento, tiel ektremis subite la maljunulino. La sendentaj makzeloj ekklakis, la okuloj ekpalpebrumis, la brakoj ĉirkaŭprenis konvulsie la infanon, en la ŝvelinta, dika kolo gargaris dum momento malfacila spiro, kaj fine eliris tra ŝiaj lipoj:

»Ĉu vere? La panjo koleras je mi, kaj kial do?«

»Ĉar vi estas viva kaj ne volas morti. Panjo diris, ke ni ne plu bezonas vin, ke ni ĉiuj estas jam grandaj, mi mem scias jam kuradi kaj ni ne aĉetos por ni plu knabeton aŭ knabineton, vi ne plu devos iun varti.«

Larmoj saltis en la okulojn de la avino. Ŝia harmonia humoro subite disiĝis, ŝafe blankaj nubetoj malaperis kaj nigra, pereoporta nubego grimpis sur la horizonton de ŝia animo.

»Kaj al kiu diris panjo tion?« ŝi demandas post momento kaj avide atendas.

»Al paĉjo!« elkriis la infano.

Sufoka, morta silento ekregis nun ĉirkaŭe, sed en la kaduka koro de patrino ekbolis kruda batalo. »Paĉjo« estas ŝia filo. Kion li respondis? Kion li diris al sia edzino alvokanta morton al lia patrino? Ĉu ŝi demandu la infanon? Ne, prefere ne. Kio, se li konsentis kun la edzino? Ah, tio signifus morton — la perdon de amo de unusola filo ŝi ne povus suferi... Ŝi sentas, ke glacia mano etendas sin al ŝia koro, kaj premas ĝin tiom, ke elspiri ŝi ne povas. Ne — nenio en la mondo igos ŝin demandi, prefere ŝi volas daŭre vivi en necerteco — en muta silento... Sed ne, tio ja ne estas ebla, ke propra sango tiom fremdiĝu, tamen ŝi eldiros la demandon — ŝi demandos, okazu kio aju, por havi certecon. Kvazaŭ sur turmentilo estas ŝia animo, la koro doloras, la kapo, la tuta korpo, ĉio — eble ŝi pliigos la doloron, sed ne estas helpo — ŝi devas demandi, eĉ se ŝi la respondon ne povus trans-

vivi... Ŝi poste certe mortos pro doloro, tuj, tie ĉi, sur la deklivo verda ŝi mortos — sed aŭdi ŝi devas, kion la filo diris. La brakoj falis, ŝi liberigis Marjanka'n el sia ĉirkaŭpreno kaj pene, malrapide demandas:

»Muŝeto mia, diru al mi la veron: kion diris paĉjo?«

»Paĉjo?« Marjanka serĉas en sia memoro, pliigante per tio la doloron de la avino, plilongigante la turmentojn, ĝis fine, per simpla voĉo, kiu ankoraŭ ne scias mensogi, ŝi klarigas al la avino:

»Paĉjo akre riproĉis panjon. Li diris: Silentu, panjo, tuj silentu! La avinjo meritas de ni la malmultan nutraĵon. Ŝi gardas la domon, kuiras la manĝojn, purigas tolaĵon; silentu, neniam plu mi aŭdu eĉ nur unu vorton kontraŭ la avinjo...«

»Infano, kara infano, ankoraŭ unu fojon, malrapide kaj klare ĉion ripetu al mi,« petas la maljunulino, forigante la kaptukon de sur sia orelo, premante la orelon preskaŭ sur la buŝon de l' infano, malfermante sian buŝon, ŝi aŭskultas, ne — ne aŭskultas, sed preskaŭ suĉas la respondon, kiun la infano pli laŭte ol antaŭe estas elkrianta. Ŝi preskaŭ sufokiĝas, sed ne plu pro timo, sed pro ĝojo. Kapturna, ega ĝojo etendas sin en ŝia koro, en la oreloj muĝas, kvazaŭ sonoriloj ekjubilus, birdoj ekkantus, muziko ekludus. La koro bategas, ĝoje bategas, preskaŭ volante krevi pro feliĉo, la okuloj larmas kaj la lipoj ridas. Subite kaj forte ŝi ekpremis la nepinon en siaj brakoj, premis ŝin sur sian velkan bruston kaj pasie ŝin kisis...

»Avinjo, kio okazis al vi? Kial vi ploras?« mire demandas la nepino.

»Diru al mi ankoraŭ, ĉu oni jam sonorigis por la maja anĝeluso?« anstataŭ respondi la avino redemandas.

»Ĝuste sonoras,« respondas Marjanka.

»Do, iru jam hejmen kun la anseridoj«, ordonas ankoraŭ la avino kaj kvazaŭ junulino, rapidpaŝe ŝi iras en la kabanon. Ŝi metas sur sin nur pli bonan jupon kaj kun rozario en la mano ŝi rapidas al la preĝejo.

Neniu en la preĝejo preĝis hodiaŭ antaŭ la altaro de Sankta Maria pli fervore, ol la maljuna vidvino de la vojriparisto.

Ŝi preĝis por sia filo.

(Trad. *Tonĉka* kaj *Vuk Echtner.*)

Jindřich Ŝimon *Baar* estas verkisto de Ĥodujo — regiono loĝata de kamparana popolo, la ĥodoj, antikva ĉeĥa tribo okupanta specialan lokon en historio kaj etnografio. La vivbatalo en malfavoraj cirkonstancoj naturaj kaj batalo por politika libereco (en la pasinteco) estas la temo de tiu ĉi verkisto, unu el la plej legataj nuntempe.



Svabinský: *Kunfando de animoj*

# Kristnaska arbeto

— Jan Vrba —

Post tre longa meditado Jírka Vaňků fine kaptis kuraĝon kaj ekpaŝis al danĝera vojaĝo. Sola kaj sola, ĉar li sentis en sia infana koro, ke estas necesa iom da heroeco, por ke la afero sukcesu. Kvankam li timis eĉ nun, terure li timis, marŝetante tra la regiono, kiu estis superŝutita de alta neĝo, al la malproksima arbaro, malhele bluanta malantaŭ ebenaĵo de blankegaj kampoj, radiantaj en sunbrilo per amaseto da etaj gemoj.

Absolute li ne volis permesi, ke denove ripetiĝu la lastjara kaj antaŭlastjara ĉagrena historio. Nu jes, jam dufoje ne venis al ili Jesueto — li forgesis ilin, kaj nenion donacis al ili. Jirka estis ĉiam malgaja pro tio, kaj la fratineto, ankoraŭ pli malgranda ol li, ja eĉ ploris . . . Li ne estis tro certa, ĉu ili per io ne kolerigis Jesueton — ĉar la homo estas tiel malsaĝa, kiam li estas juna, kaj kvankam li jam vizitas la unuan klason de la popola lernejo, tamen multon li ankoraŭ ne scias . . . Tial li konfidencie, sed energie demandis la panjon.

Ŝi ektimis iom, ekkaŭris sur malgrandan piedbenketon kaj tiris lin al si inter la genuojn. Poste ŝi diris al li, ke Jesueto tial ne haltis ĉe ili, ĉar li ne vidis ĉe la fenestro kristnaskan arbeton; li ja pensas, ke tie, kie oni ĝin ne preparas, oni ne deziras lian donacemon . . . Antaŭe paĉjo alportadis la arbeton el arbaro. Li foriris militservi — kaj ŝi ne havis tempon ĝin alporti. Ŝi devis perlabori, zorgi por ke estu io por manĝi — kaj tiel ĝi okazis . . .

La eta Jírka komprenis tion kaj sulkigis la frunton, ĉar ŝajnis al li, ke ĉion ĉi Jesueto jam delonge devus scii. Sed li kontentiĝis per la klarigo, kaj diris plu nenion.

Malrapidete pasis jaro, denove alproksimiĝis Kristnasko, sed paĉjo ĝis nun ne revenis el la milito. Pasis la vico de la lastaj tagoj, dum kiuj la eta Jírka batalis en si pri granda decido. Li mem, pro timo, jam estus rezigninta je donacoj de Jesueto, sed li ne volis, ke la fratineto denove ploru, kiel pasintjare . . . Kaj kiam ŝi matene antaŭ li demandis la panjon, ĉu hodiaŭ venos Jesueto, li venkis la lastan timotremon en sia timplena koro — kaj firme decidiĝis, ke posttagmeze li nepre ekiros en la arbaron kaj alportos arbeton, por ke la malfeliĉo ne ripetiĝu . . .

Baldaŭ post la tagmezo li ŝteliris el la domo kaj nun marŝetis tra alta neĝo al la arbaro. Sur la kapo li havis vilan peltan ĉapon kun orelkovriloj, kunligitaj sub la mentono per galono, lia kolo estis ĉirkaŭvolvita per tuko — kaj la manoj profunde enŝovitaj en la poŝoj. Liaj piedoj frostetis kaj li tremis pro malvarmo, sed tion li ne atentis. Sur la maldekstra brako balanciĝis la manĝsegilo de la paĉjo, kiun pene li elserĉis en la subtegmento el amaso da malnova formetaĵo. Li eĉ sciis, kiel granda devas esti la arbeto. Iun posttagmezon, kiam neniu estis hejme, li grimpis sur la tablon, stariĝis piedfingre kaj la brakon etendis al la plafono. Jes, ĝi povas esti ankoraŭ pli alta, ol li kapablas manetendi . . .

Li marŝis tra la neĝkovrita regiono kaj tre miris. Ĉie estis blankaj surŝutaĵoj kaj sur la arbustoj plenpleno da neĝoflokoj. Sed kiel li miregis en la arbaro! La pintoj de l' arboj estis blankaj, de la branĉetoj pendis glacikonusoj kaj la trunkoj estis sukerigitaj de prujno. Li retenis la spiron kaj ŝajnis al li, kvazaŭ li marŝus en fabelo. La profunda kaj majesta silento, kiu ĉie etendiĝis, lin tuŝis nevideble kaj konsternis . . .

Fine li atingis junan arbetaron. Estis tie senfina



Max Švabinský: *Aŭgusta tagmezo*

# *Sur la pont' d' Avignon*

**— Karel Toman —**

*Sur Avignona ponto*
*oni dancas,*
*pri Avignona ponto*
*oni kantas,*
*sed kanton nur mallongan,*
*mallongan eĉ danceton,*
*nur akvo zumas eterne.*

*Sur Avignona ponto*
*staris papo,*
*trans Avignona ponto*
*marŝis jaroj,*
*hodiaŭ sur ĝi adiaŭas*
*Provencan ĉeĥa poeto.*
*Nur akvo zumas eterne.*

*Sur Avignona ponto*
*— ho adiaŭ —*
*sur Avignona ponto*
*au revoir!*
*arboj cipresaj, olivaj*
*lando vi sorĉa kaj dolĉa.*
*Nur akvo zumas eterne.*

*Sur Avignona ponto,*
*dankon, lando,*
*sur Avignona ponto*
*mi nun sonas*
*revante, ke sur ĝi paŝadis*
*Karolo Kvara, reĝo ĉeĥa.*
*Nur akvo zumas eterne.*

*Sur Avignona ponto*
*oni dancas*
*pri Avignona ponto*
*oni kantas*
*kvazaŭ sur ponto en Praha.*
*Kanto tre longa, tre longa.*
*Kaj akvo zumas eterne.*

*(»Centjara kalendaro«, 1926.)*

El la ĉeĥa: **Dr Stan. Kamaryt**

---

aro da arbetoj kaj ĉiuj estis belege superŝutitaj de neĝo. Li elektadis longe, kelkajn arbetojn li rigardo amkaresis — ĝis fine unu el ili plej multe ekplaĉis al li. Etendante alten la brakon, li stariĝis piedfingre kaj kontente ekspiris. La arbeto taŭgis ankaŭ laŭmezure . . .

Li genufleksis en la neĝon al sia elektito, alpremis segilon al la trunketo kaj komencis segi. Sed la arbeto havis tre mortrezistan vivon. Jírka estis jam tro laca kaj ŝvitanta, liaj manoj pro neĝo ruĝiĝis kiel kankro — kaj la arbeto ankoraŭ ne estis cedanta . . . Nur post ankoraŭ longa penado ĝi ruliĝis sur la vojeton.

Sed en la sama momento ekkraketis la neĝo malantaŭ Jírka, eksonis insulto, kaj iu elŝiris la segilon el lia mano. Li ektimis, saltleviĝis kaj sin turnis — kaj vidis, ke malantaŭ li staras homo kun nigra ĉapo, kun flava, ronda metalplateto sur la brusto kaj kun pafilo sur la ŝultro. La segilo ekkrakis en liaj manoj — kaj ĝi jam flugis en alta arko en arbustdensaĵon, rompita en du pecojn. Poste Jírka ricevis vangofrapon tiel, ke li falis en la neĝon. Kaj kiam li rapide leviĝis kaj kuris al la urbo, ankoraŭ longe flugis post li insultoj.

Dentklakante pro timo kaj malvarmo fine li kuratingis la urbon. Dumvoje li nekalkuleble multfoje faletis kaj falis en neĝblovaĵon, multegfoje li glitis sur glacio kaj falante, dolorige li batvundiĝis. Sed li atentis nenion; denove li leviĝis kaj kuris kaj kuris, ĉar lia timo estis pli granda ol la doloroj. Nur inter la domoj de la urbo li trankviliĝis. En la vizaĝo li estis malpurigita, ĉar sur ĝi li disŝmiris ĉiujn larmojn; sed en la urbo li ne ploris plu . . .

Kiam li venis hejmen, jam krepuskiĝis kaj la panjo jam avide serĉis lin. Ŝi teruriĝis pro lia stranga aspekto; sed li honeste kaj fidele rakontis pri ĉio kaj ne povis reteni sin de ekploro. De ŝi li eksciis, ke la homo, kiu lin forpelis el la arbaro, estas arbargardisto kaj ke li loĝas en la lasta dometo de la antaŭurbo flanke de la arbaro. Dum la vespermanĝo li ne povis ne demandi — kaj tiam li eksciis, ke la arbargardisto havas malgrandan knabineton . . .

Vespermanĝinte, la panjo lavis la vazojn kaj Jírka ekstaris ĉe la fenestro kaj ekrigardis sur la ĉielon. Brulis tie steletoj kaj ie, malantaŭ la tegmento, brilis la luno. Sed Jírka atendis. Jam delonge li sciis, ke Jesueto alveturas de la ĉielo teren sur arĝenta nubeto. Kaj tiun nubeton li atendis . . .

Fine li ĝisatendis. La nubeto elnaĝis super la tegmentosupro de la kontraŭa garbejo. Jírka tuj sciis, ke ĝi estas la ĝusta, ĉar ĝi brilis arĝente kaj ĝiaj randoj estis disiĝantaj, kvazaŭ el puntoj — ĝi aspektis same tiel, kiel la blankaj kusenoj, kiuj estas en la preĝejo ambaŭflanke sur la altaro.

Apenaŭ la nubeto aperis, Jírka sin krucsignis rapide kaj jam preĝis kun la tuta ardo kiun kapablis lia infana koro. »Jesueto« — li diris, premante la kunplektitajn manojn sur la bruston — »mi petas vin, Jesueto, al la knabineto de la arbargardisto donacu nenion, tute nenion, ĉar ŝia paĉjo forprenis de mi la arbeton!« — Kaj denove sin krucsignante, li foriris de la fenestro.

Sed ne atinginte ankoraŭ la mezon de la ĉambro, li subite haltis kaj rapide revenis al la fenestro. Denove li krucsignis sin, ekrigardis la nubeton, kiu preskaŭ jam estis perdiĝanta en la alto kaj rapide ekpetis: »Jesueto, atendu, mi petas! Ili loĝas ĉe la fino de la antaŭurbo, flanke de la arbaro, kaj ŝia paĉjo havas nigran ĉapon, barbon kaj ruĝan nazon — kaj sur la jako li portas flavan, rondan metalplateton — kaj sur ŝultro rustiĝintan pafilon!« — — —

Poste, kiam la panjo metis lin en la liteton por dormo, li vidis, ke ŝi havas larmoplenajn okulojn. Li ekpensis, ke verŝajne ŝi aŭdis lin preĝi ĉe la fenestro. Iel li ekhontis kaj, por ŝin trankviligi, li diris virece kaj konvinke: »Nu, ne ploru, panjo, mi ne plu pensas pri tio! Mi ja iris tien nur pro Mařenka, por ke ŝi ne ploru kiel lastjare, kiam Jesueto nenion donacis al ni . . .«

Tiel li parolis kaj kontente ekdormis. — —

Sed kia surprizo estis matene por li! Jesueto estis ĉijare multe pli malavara ol lastfoje. Ne atentante, ke ili ne havas arbeton, li donacis al ili laŭ la maniero de sankta Nikolao sur la teleretojn ĉe la fenestro. Estis tie kaŝtanoj, figoj, pomoj, estis tie eĉ sukeraĵo! Gojo plenigis la ĉambron kaj Jírka, de ĝi kaptita, eĉ ne rimarkis, ke la panjo malsanktigis la Kristnaskan feston kaj kudris diligente de la mateno ĝis la vespero . . .

Sed la postan tagon kaptis lin stranga malĝojo. Vekiĝis en li la konscienco. Li konsciiĝis, ke al la filineto de la arbaristo Jesueto nenion donacis, ĉar li plendis kontraŭ ŝia patro kaj ŝi nun certe ploras . . . Meditante tiel, li sidis horeton en anguleto, ĝis fine li malfacile decidiĝis. En la poŝojn de sia jako li metis kelkajn pecojn de ĉio el la telereto — kaj eliris el la domo.

Li iris al la arbargardisto . . .

Sur la korto de ilia dometo li subite renkontiĝis kun la gardisto de arbaroj. Ili rekonis unu la alian,

kaj je lia demando Jírka honeste diris, kial li venas: Kiel li plendis al Jesueto kaj kiel li nun kompatas la knabineton, kiu pune ne ricevis donacojn pro tio, ke ŝia paĉjo forprenis de li la arbeton. La arbargardisto ekridis kaj kondukis lin en ĉambron.

Jírka ne povis kredi al siaj okuloj. En la ĉambro estis arbo — sed arbo de planko ĝis plafono kaj plenplena de sukeraĵoj kaj frandaĵoj. Ĉiuj tie demandis lin pri paĉjo, panjo, fratineto — kaj kiam li ĉion respondis, ili plenŝtopis liajn poŝojn per amaso da objektoj kaj aldonis ankoraŭ grandan paperan saketon plenplenan de dolĉa bonajo. Poste akompanis lin la arbargardisto ĝis la pordo kaj senĉese li ridis . . .

Sed Jírka ne emis ridi. Jesueto — diroj de la panjo — nubeto — iliaj malgrandaj teleretoj kaj tia arbego ĉe la arbargardisto — ĉio ĉi dancis en lia kapo. Certe io ne estis tie ĉi en ordo.

Kaj tiun tagon, antaŭ ol li venis hejmen, naskiĝis en lia koro kruela malkonfido, ekskuanta ĉion, kio ĝis nun estis certa kaj senduba . . .

Jes, nepre io ne estis tie ĉi en ordo. Jírka sentis doloron pro la homa maljusteco, doloris lin la dia maljusteco, doloris lin ĉio. Hejme li kaŝis sin en anguleton malantaŭ la lito, por ke li povu ĉion bone pripensi. Pro la alportitaj frandaĵoj li tute ne ĝojis. Kvankam li rigardis kontente, kiel la fratineto ludetas kun ili, kiel ŝi ĝojas pro ili kaj kiel ŝi frandas, li mem ne prenis eĉ unu peceton.

Li nubiĝis, kelkfoje li faris ploreman mienon, ĉar lia ĉagreno ŝanĝiĝadis je korpa doloro. Ĝi komenciĝis, kvazaŭ oni premus lian koron, kaj poste stranga doloro etendiĝis tra la brusto. Antaŭvespere li jam ne povis ne paroli pri tio al sia panjo.

Ŝi ektimis, karesis lian frunton kaj rapide enlitigis lin, aspektante tre zorgema. Ŝi eĉ insistis meti sur lian frunton vinagran kompreson. Li konsentis pri tio, sed li tamen deklaris, ke nenio helpos — ke Jesueto devus esti pli justa . . .

La postan tagon matene estis ankoraŭ pli malbone. La panjo venigis sinjoron kun okulvitroj, kiu skribis malgrandan folieton, por kiu la panjo post momento alportis boteleton da flava kaj dolĉa akveto. Ŝi alportis por li ankaŭ grandan oranĝon kaj la tutan ŝi donis al li, kiam li promesis, ke li brave kaj trankvile kuŝos. Li formanĝis peceton, sed ĝi ne ŝajnis al li bongusta. La doloro estis ĉiam pli kaj pli granda. Denove li enpensiĝis kaj vespere li diris al la panjo, ke la doloroj estas netolereblaj — kaj ke li iros por plendi kontraŭ Jesueto en la ĉielon.

La tutan nokton li kriis dormante . . . Ke Jesueto ne estas bona, ĉar al la knabineto donacis grandan arbon kaj al li nur malgrandan telereton. Ke la arbaristo forprenis de li la arbeton kaj ridis ankoraŭ. Ke li volas nek oranĝojn, nek sukeraĵojn . . .

Kaj efektive! La duan tagon antaŭ tagmezo foriris lia animeto . . . Jírka foriris en la ĉielon por aranĝi sian aferon kun Jesueto . . .

La panjo ploris kaj al la eta Mařenka oni diris, ke Jírka mortis. — Sed se ŝi nur kredus tion! — Ŝi formanĝis la restintan duonon de la oranĝo, formanĝis la sukeraĵon — kaj estis tre fiera pri la frato Jírka, kiu estis tiel kuraĝa, ke li sendis sian animon en la ĉielon, por ke ĝi tie ĉe Dio plendu kontraŭ Jesueto.

El »Libro el la naturo« tradukis *B. Sklenčková.*



Preisler: *Adamo kaj Eva*

# La sekreto de la reĝino

– Edvard Valenta

Kiel konduktoro de tramo mi travivis multe da etaj aventuroj. Iufoje estis arestita en mia vagono, ĝuste kiam ni ekveturis antaŭ la kafejo Kurtl, miliona defraŭdinto Alfred Baumann, kiu sin defendis kun revolvero en la mano. Mi estis en tiu afero ankaŭ vokita kiel atestanto kaj mia nomo tiam eĉ estis en ĵurnaloj. Aŭ alifoje veturis kun ni dika sinjoro en pelto kaj ne havis transirbileton, sed tamen li asertis, ke lia bileto estas ĝusta. Mi diris al li, ke li aŭ aĉetu novan bileton aŭ afable eliru, sed li ekscitiĝis kaj dufoje min forte batis en la vizaĝon. Li ricevis por tio ĉe la distrikta tribunalo kvardekok horojn. Skudil estis lia nomo. Kaj iam, apud la jutfabriko de Kratochvíl, ni transveturis maljunan barbulon. Mi memoras, ke, kiam kamarado Cekl subite ekbremsis, mi flugis inerte tra l' malfermita pordo ĝis sur la platformon kaj tuj mi desaltis el la vagono. Mi vidis la maljunan viron, lia rompita kapo kuŝis sur bruna brakpaperujo. La bedaŭrinda Cekl ricevis pro tiu malfeliĉo tri monatojn kaj estis maldungita, kvankam ĉe la esplora juĝisto mi respondadis favore por li laŭ mia tuta povo.

Sed mi pensas, ke la plej mirinda aventuro, kiun mi travivis kiel konduktoro, okazis la novembran sabaton sur la deksepa linio. Mi ne veturadis ofte sur tiu linio kaj pro tio mi iom dediĉis atenton al la homoj, kiuj tie eniradis kaj ree malaperadis. Estis ĉirkaŭ la sesa vespere, ni veturis el la finstacio ĉe la arsenalo, la vagono estis apenaŭ duonplena. Kiam ĉe la haltejo apud la kazerno de la 6-a infanteria regimento mi ekfajfis por forveturo kaj eniris la vagonon, mi rimarkis, ke en la angulo ĉe la antaŭa platformo sidas junulino, sinjorino, kies admirinda aspekto min tuj en la unua momento iom konfuzis. Mi ne kredas la babiladon pri amo je la unua ekvido, precipe ne pri la mia, konduktora, al tiu ĉi sinjorino, sed marŝante al ŝi per balancantaj paŝoj, al kiuj mi alkutimiĝis en mia profesio, mi sentis profundan malĝojon, kia okupas la ordinaran, simplan homon ĉiam, kiam li haltas antaŭ io, kontraŭ kio li estas malgranda kaj mizera kaj je kio li ne rajtas pensi. Mi sciis, ke mi ne rajtas revi pri tiu virino alie ol tramvoja konduktoro, kiu iam vendis al ŝi bileton. Kaj efektive, kiam ŝi



Jaroslav Čermák: *Rabo de montenegra virino*

petis bileton al la finstacio en la parko apud la areno, ŝi prezentis al mi monon tiel kiel oni ĝin ŝovas en senvivan aŭtomaton. Kompreneble, mi nenion ja signifis por ŝi. Mi estis numero 437, kiu al ŝi vendis bileton por krono kvindek. Sed malgraŭ tio mi bedaŭris, ke hodiaŭ mi ne razis min.

Ni estis veturantaj el periferio en la urbon. Apud la kino Vitagraph envagoniĝis juna viro en griza malkara vintrosurtuto kaj restis sur la antaŭa platformo.

— Al la stacidomo! Al la stacidomo! li diris rapide, poste transmetis sian paperujon de sub unu brako sub la alian, prenis el sia poŝo etan horlibron, ŝovis en ĝin la nazon, foliumis, balancis la kapon, elprenis la horloĝon kaj ekmienis timpreme. Certe li tre rapidis. Mi jam scias rekoni tiajn homojn!

Sed post kelkaj haltejoj mi rimarkis, ke la homo malantaŭ la vitro grandokule rigardas tiun sinjorinon. Tion mi konas. Kiam apud la teatro leviĝis de la seĝo kontraŭ ŝi ia dikulo, la senpacienculo sur la platformo iris internen, sidiĝis kaj komencis esplori la reklamajn gluafiŝetojn sur la vagonmuroj, kvazaŭ ne estus klare al ni ĉiuj, ke dum tio li rigardas al sia kontraŭulo kaj ke li estas tute konfuzita. Li eĉ surmetis la gantojn, rigarde glitis al siaj botoj kaj diskrete forigis blankan makulon sube sur la surtuto, per kiu li verŝajne ie ektuŝis muron.

Mi ne koleris tiun homon, kvankam iam similaj aferoj jam naŭzis min, estante ja tro oftaj kaj ĉiam egalaj. Ne pro tio mi diras, ke li donis al mi tridek helerojn trinkmone. Ne pro tio. Sed li aspektis tiel agrable, lia rigardo estis tiel sincera kaj lia nekaŝata admiro tiel infane naiva, ke mi tuj deziris lian sukceson; mi diris al mi, nun ŝi tamen povus ekrideti al li! Sed ŝi sidis kontraŭ li en sia griza pelto, kun flavaj sukcenoj ĉirkaŭ la kolo, kaj manoj grizgantaj, krucigitaj sur la genuoj super malgranda mansaketo. Ŝi ne elŝovis la genuojn en silkaj ŝtrumpoj, kiel iuj tion faras. Reĝino ne povis sidi pli bone dum festa revuo sur tribuno laŭre girlandita kaj ombrita de flagrantaj flagoj. Tion mi iam legis kaj nun ekrememoris. Mi absolvis kvar klasojn de reallernejo kaj diligente mi prunteprenas librojn el la biblioteko por personaro de la urba tramo. Tiel mi legas pri diversaj aferoj kaj malsaĝulo mi ne estas. Tiu ĉi certe estis virino, pri kiu povus esti verkataj rakontoj kaj eĉ romanoj, tion mi ekkonis tuj.

Sed nun mi ne havis tempon por atenti tiujn homojn, la tramo veturis en la urbo kaj la vagono estis plena. Ĉe l' haltejo antaŭ la stacidomo mi vidis, ke la viro stariĝis, ektusetis kaj ree sidiĝis. Post kelke da haltoj pliaj la vagono iom malpleniĝis, ĉar multe da laboristoj transiris al la linio sesa iranta al la laborista kolonio. Nur nun mi vidis, ke la viro ne eliris, sidas kontraŭ ŝi kaj rigardas.

La lumoj de neonreklamoj ĉesis fluge pasi preter niaj fenestroj, la klaksonoj de aŭtomobiloj maloftiĝis, ni veturis preter la stadiono kaj tra la kaŝtanarba aleo sub la Prezidenta Monteto, sursemita de vilaoj riĉulaj. Tie ĉi jam estis preskaŭ senhome. Kaj fine mi havis en la vagono ses-sep homojn, mi stariĝis sur la malantaŭa platformo kaj faris notojn pri venditaj biletoj. Kaj ree mi observis tiujn du. Subite min frapis io neordinara, neatendita, ia stranga malkvieto de la virino. Mi eĉ ne povis ne rimarki, ke ŝi kelkfoje rigardis lin kaj eltenis lian ekstazan rigardon, kvazaŭ komprenante. Kaj alifoje ŝi ekrigardis lin elsub sia ĉapelo embarase kaj klinis tuj la kapon, ĉar lia persista rigardo, peta, malfiera, malaŭdaca kaj senmensoga, ne cedis kaj konfuzis ŝin. Tian amindumanton oni ne vidas ofte. La bedaŭrinda birdo estis tiel ravita, ke li ne kapablis sin regi. Nur nun mi ekpensis, ke li havis malgrandan bileton al la stacidomo kaj ke li jam daŭrigas proksimume dekkvin haltejojn.

— Pardonu, ĝis kie validas via bileto, sinjoro? Bonvolu montri al mi vian bileton, sinjoro!

— Li skuiĝis, palpis tra la poŝoj, poste deprenis la gantojn kaj palpis denove, montris al mi la horloĝon, sed kiam mi kapneis, li ruĝiĝis kaj ekridetis, fine li elprenis la bileton kaj malfaldis ĝin per tremantaj fingroj.



Josef Mánes: *Josefina*

— Vi havas, permesu, bileton sole ĝis la stacidomo, bonvolu aĉeti novan bileton, mi petas! mi diris al li.

— Jes, jes, li elbalbutis kaj elprenis monon kiel en sonĝo.

Li dronas en tio ĝisorele, mi ekpensis. Nu bone, sed venas jam la antaŭlasta halto. Tiuj du rigardas unu la alian. Liaj okuloj pendas sur ŝia vizaĝo, sur ŝia sino, sur ŝiaj kruroj. Kvazaŭ li ne povus sin satigi. Kaj ŝi ne povas ne vidi lian ravitecon. Ŝi vidas, ke li estas sorĉita, ĉarmita, ŝi konscias, ke ŝi ne povas lin koleri, ĉar li ne estas ordinara abomena danda amindumisto. Ho, mi havas bonajn okulojn por tiaj aferoj! Ŝia rigardo estas tiel mola kaj kvazaŭ iom petanta lin, ke li ne faru tion, kvazaŭ ŝi estus en granda embaraso.

Ŝi ekmoviĝis maltrankvile, ni jam estis inter vagonejoj de la lasta haltejo. Subite tuta ŝi kaŭriĝis en sia angulo, mordetis la lipojn, zorgomiene ekrigardis al ĉiuj direktoj kaj subite ekrigardis lin, sed konfuze kaj senkonsile. Ŝi certe diras al si: nun ni elvagoniĝos kaj li aliĝos al mi. Pardonu, fraŭlino, ĉu vi permesos akompani vin? Tion ni konas, ankaŭ ni faris tiel! Ŝia rigardo diras, ke ŝi tion ne deziras. Kaj tamen, mi volus tion ĵuri, ŝi rigardas la junulon per okuloj tiel reĝece komprenemaj, estas en tio granda kompreno kaj pardono. Ne, ne, tion mi ne povis kompreni.

— Areno, mi vokas. — Ĉiuj eliru!

La aventuro finiĝas. Eble ĝi komenciĝos nun, certe jes. Sed el tio mi jam nenion havos. Mi deziris al tiu homo ĉion bonan, ĉion plej bonan. Tiu senenergia, peta rifuzo ŝia, tio estis kompreneble la lasta resto de la bona eduko, ŝi estas filino el iu vilao super la rivero. Sed tio cedos, tio cedos. La vojo tra la parko, preter la areno, plue preter la akvorezervujoj kaj Lunaparko, kaj de la akciza linio estas ankoraŭ bonaj dek minutoj, ho jes, tio sufiĉos plene! Ĉe lia pasio! Tiu bonega junulo meritas la bonan rezulton! Ĉu li ne lasis forpasi la vagonaron pro hazarda renkonto? Je ĉiuj diabloj, nun kiam ĝi plene ordiĝis en mia kapo kaj kiam ĝi komencas plaĉi al mi, estas fino.

Mi volvis al mi cigaredon kaj fumis promenante sur la flava pavimo de la perono. Estis jam preskaŭ la sepa horo, dise venadis homoj, kelke da ili envagoniĝis.

Kaj jen subite mi vidis, ke ankoraŭ ne estas la fino. La persekutanto promenas apud la vagono tien kaj reen, konsternita, kaj en la vagono sidas la persekutato plue en sia angulo. Ŝi ne elvagoniĝis.

Mi ensaltis en la vagonon.

— Ni estas en la finstacio, fraŭlino!

Ŝi ekrigardis min per trankvila, reĝina, sincera okulo.

— Mi ne sentas min bone, ŝi diris.

Mi klinis min. Mi rapidos por akvo en la oficejon de la administracio, aŭ se la fraŭlino loĝas malproksime, mi telefonos por taksio.

Ne, ne, ŝi dankas. Ŝi veturos reen! Ŝi preferas ankoraŭ iom veturi.

Denove mi klinis min. Do tamen ŝi *nepre* ne deziras esti akompanata. Mi ekrigardis la horloĝon. En tiu momento mi subite sentis, ke mi mem estas iom ebria per tiu virino. Mi donis signalon por forveturi, la akra sono de fajfilo sin portis al la malluma senfolia parko antaŭ la areno. La homo sur la perono saltis en la vagonon kaj sidiĝis peze en la angulo kontraŭ ŝi. La aventuro komenciĝis denove. Ili ambaŭ prenis grandan bileton unulinian.

Homoj veturantaj en teatrojn kaj kinojn plenigis en la urbo la vagonon, la lumreklamoj ree fandiĝis kun la penetrantaj tonoj de klaksonoj, denove ni interŝanĝis homojn apud la stacidomo kaj la okan fojon ni troviĝas inter la konstruaĵoj de forte lumigitaj vagonejoj apud la arsenalo.

Mi timis, ke mi faros ian sensencaĵon, tiel ekscitita mi estis la tutan vojon. Ĉi tie jam estis nur nemulte da homoj kaj tiuj du sidas kaj sidas kontraŭ si. Ŝi komencis aspekti malespere. Ŝi petis lin per okuloj, ke li lasu tion. Tio estis pli klara ol se ŝi estus pete plektinta la manojn. Sed en tiu rigardo estis ĉiam kaj ĉiam samtempe iom pli multe. Ŝi diradis al li, ke ŝi havas nenion kontraŭ li, ke ŝi estas kortuŝita, ke ŝi lin ŝatas. Kaj tion ĉi mi ekkonis, mi, kiu povis dum mia laboro sole de tempo al tempo alstrabi al la stranga duo! Kaj kiu scias ĉion, kion ŝi tiel parolis al li, kiam mi ne rigardis!

Mi proponis min en la fina stacio apud la arsenalo, ke mi alportos refreŝigajn gutojn — tuj malantaŭ la angulo estas apoteko. Ŝi dankis kaj malakceptis. Ŝia gardanto promenis sur la perono. Diversaj pensoj venis al mi en tiuj liberaj momentoj: eble li estas sekreta policano kaj li persekutas aventuristinon de eŭropa formato. Sed tiam li povus aresti ŝin tuj. Estas do sensencaĵo.

Mi fajfas, la viro ensaltas kaj peze sin lokas en la angulon, ni veturas reen. Apud la infanteria kazerno eniras revizoro. Estas Brejcha, loĝanta en Strato de Paco kiel mi. Mi sentas, ke mi ion fuŝis en la registro de venditaj biletoj, mi faris ja ĉion kiel en sonĝo. Li frapetas je ĝi per krajono, inspektas la biletarojn, la biletojn de la pasaĝeroj, revenas al mi kaj diras flustre:

— Kaj tondigu viajn harojn malantaŭe sur la kolo kaj malantaŭ la oreloj. Kaj razu vin ĉiutage!

— Jes, jes, mi respondas rapide kaj estas dankema al li, ke li tion diris tiel flustre, ke neniu povis ĝin aŭdi.

Estas malfrue. La neonlampoj estingiĝis kaj la stratoj senhomiĝis.

Depost la stadiono ni estas tri en la vagono, ili du kaj mi. Ŝi ekrigardas kelkfoje la horloĝeton kaj ĉiam ektimiĝo skuis ŝiajn lipojn. Kompreneble, virinoj kiuj iras je la sepa al vespermanĝo, povas havi sufiĉe da timo post la naŭa, se ili ne estas jam hejme. Mi rimarkas, ke subite ŝi rigardas lin kun tia terura angoro, ke embarasite li stariĝis kaj konfuzite li balanciĝis al la malantaŭa platformo, tie sin apogis, plue rigardis, deprenis la ĉapelon, frotis al si la frunton, ree surmetis la ĉapelon kaj ektusis en eksterordinara ekscitiĝo. Tiam mi vidas, ke la fraŭlino, subite en ia senespera decidiĝo, mansignas al mi. Mi forlasas la viron sur la platformo kaj staras antaŭ ŝi.

— Vi bonvolas?

— Diru, mi petas, al la sinjoro, ke li foriru. Ke li foriru! Diru, mi petas, diru, ke li estu tiel afabla kaj foriru! Ke li estu tiel afabla kaj ke li foriru!

— Volonte, mi diris, kaj salutis ĉape. Mi foriras al li kaj flustras tion al li en la orelon. Tuta li kvazaŭ kaŭriĝis en sin kaj paliĝis.

— Ĉu tion ŝi diris? li flustris. — Kiel ŝi tion diris?

— Ŝi diris, ripetas mi, — ŝi diris, ke vi estu tiel afabla kaj ke vi foriru. Kelkfoje ŝi ripetis tion.

— Jes, vere, li balbutis konfuzite — tiel ŝi diris tion, diru al ŝi afable, ke ŝi pardonu, ke mi tuj foriros, ŝi pardonu; diru al ŝi, ke ŝi senkulpigu min, ke mi estis tia maldelikatulo.

— Volonte, diris mi.

Li min kaptis je ŝultro, apenaŭ mi ekiris kaj trenis min reen. Mi vidas, ke lia viktimo rigardas al ni.

— Diru tion alie. Petu, ke ŝi tuj diru al vi, ĉu ŝi pardonis min. Mi elvagoniĝos tuj.

Mi iris, iom min klinis al ŝi kaj flustris tion al ŝi. Ŝi fermis la okulojn, apogis sin peze kaj dankis al mi. Mi pensis, ke ŝi svenos. Sed ŝi refortiĝis. Mi diru al li, ke ŝi neniom koleras. Eĉ ne iomete. Sed ke li foriru.

Mi tion diras al li. Mi rifuzas la trinkmonon.

Ni haltas en la antaŭlasta haltejo. La viro elvagoniĝis rapide kaj staras en la densa mallumo de la kaŝtanaleo, izole sola homo en la vasta regiono de tiu senhoma kvartalo. Mi fajfas kaj ni ekveturas. Kaj tiam, mi tion ĵuras, la virino sin turnas subite al la fenestro kaj rigardas en la mallumon. Ŝi deprenas rapide ganton, premas fingrojn al siaj lipoj kaj metas ilin firme al la fenestro.

Ĉu kison ŝi sendis al li?

Ŝi vokas min. Ion ŝi diras al mi, ektuŝas mian manon. Superfluas min sento de silenta feliĉego kaj dankemo. Nur nun mi sentas, ke ŝi donas al mi banknoton. Mi malakceptas la monon tre ĝentile kaj profunde salutas. Mi revenas al la malantaŭa platformo. Ni estas ĉi tie solaj. Mi registras la venditajn biletojn. Ne, ion tian mi ne povas kompreni, ne, tion mi absolute ne komprenas. Dum tri horoj daŭris tiu ĉi frenezaĵo, por nenio. Mi sentis bedaŭron pri tiu frenezulo, kiu staris kiel kolono, tie sub la kaŝtanoj. Ŝi estus nenion perdinta, ŝi reĝino, se ŝi estus lasinta al li iom da ebleco, la kelkajn paŝojn de la stacio al la vilao —

Kaj ree ni veturis la arkon inter la vagonejoj de la lasta stacio apud la areno. La vagonoj haltis kaj la reĝino stariĝis per fiera, majesta movo, elvagoniĝis kaj estis foriranta, tute sola. Kaj en tiu momento fariĝis videbla la sekreto de la reĝino.

Ŝi estis lama.

El la ĉeha: *Rud. Hromada*,

## La vivo

**— Jaroslav Vrchlický —**

*Ĝin de l' dioj prenu vi nur donace,*
*Ne fidante, ke ĝi promeso estas*
*Pri plezuroj, ĝuoj; neniam ili*
*Iĝos realaj.*

*Ne pretendu ĝojon, eĉ ne momentan,*
*Nek el polvo penu al steloj flugi,*
*Sentoj de feliĉo ja al vi fremdaj*
*Restos por ĉiam.*

*Kiel jus stampitan moneron brilan*
*Prenu vi la vivon, kun signo stranga*
*Kaj mistera teksto, solvotaj eble*
*Iam de Sfinkso.*

*La simbol' kaj skribo enigmaj restos*
*Eble ĝis la fin' de migrado via.*
*Kies kulp'? Ne vi la moneron stampis,*
*Ĝin vi ricevis.*

*Kiel ĝin redoni? Por la respondo*
*Nur la temp' liveros al vi ŝlosilon;*
*Zorgu ĝin laŭ eblo konservi brila,*
*Kiel komence.*

*Vian ĉenu volon! La koron ŝtonu!*
*Skurĝu korpon vian ĝis senkarniĝo!*
*Dubu, ĉu l' enigmo eĉ super tombo*
*Solvon atingos.*

El la ĉeha: *Miloŝ Lukáŝ*

# T. G. Masaryk

— Emil Ludwig —

Amiko de homaro kaj Eŭropano: tiel mi nomus la prezidanton Masaryk, se ambaŭ karakterizoj ne havus preskaŭ la saman sencon. Ĉar, kiel hodiaŭ sin povus nomi amiko de homaro tiu, kiu kredus je hegemonio de sia nacio, de siaj raso aŭ klaso, anstataŭ je Eŭropo; kaj ĉu Eŭropano, kiu en ĉiuj sociaj problemoj ne sentus pacigeme?

La prezidanto ĝisvivis en sia maljuneco la maloftan feliĉon, ke li vidas, kiel la revoj kaj ideoj fariĝas faktoj kaj ke li kulminaciigas evoluon de pensulo al ŝtatisto kaj reen de ŝtatisto al pensulo. Ĝi estas samtempe sorto kaj merito, ĉar la evoluo donis al li liberecon kaj necesecon, ke li — dum pluraj jardekoj dezirinta, verkinta kaj predikinta pri maniero, kiel oni devus en certa parto de Eŭropo agi ŝtatsaĝe — mem tiel agu; li faris tion kaj li venkis.

Sed li ne faris tion kiel diktatoro, kaj en tio kuŝas lia forto, kiu povas utili kiel modelo. Mi vidas en Masaryk la solan ŝtatiston eŭropan, kiu en tiu ĉi epoko ne difektis la demokratiajn agordojn, sed kondukis sian melodion trans ĉi tiu spaco.

Macdonald, kies portreton mi vidis sur la skribotablo de Masaryk, provas ion similan, sed li ne havas la feliĉon de la komenco, sed nur la feliĉon de la tradicio kaj ĉi tio ne estas tro favora por lia penado.

Kiam tiaj evolucianoj ekprenas la povon, ĉio okazas pli mallaŭte kaj pli malrapide, sed pro tio pli ĝenerale kaj pli daŭre ol dum supreniro de tiuj revoluciaj karakteroj, kies energio facile ŝanĝiĝas en aŭtokration, kaj kiuj eble nur tiel povas atingi siajn ŝtatajn celojn. Pater Patriae*) povas ja esti nomata nur pensulo, ne soldato; soldato devus esti tre maljuna kaj matura, aŭ li devus esti belega escepto kiel Washington. Popola deveno donos al li por tio pli da kapabloj, ol aneco al privilegiita klaso, kaj ke hodiaŭ en ĉiuj landoj de la tuta mondo, ankaŭ en la malnovaj, regas burĝoj, en multaj eĉ filoj de laboristoj, estas fakto same signifoplena, kiel la transformiĝo de la lastaj kvar monarĥioj en dekses respublikojn.

Inter ĉiuj mi vidas Masaryk starantan sur ŝtupo morale plej alta: li estas vera popolgvidanto laŭ tipo de malnovaj amerikaj prezidantoj, kaj ne estas hazardo, ke li estimas kaj studis ilin. Kun Lincoln li havas la saman popoldevenon, bonhumoron kaj kuraĝon, fortikan, longan korpon, moderecon, homan saĝon kaj bonecon; jes, oni oni ankaŭ povas pri li diri, ke li helpis gvidi civitanan militon kaj ke li venkis ĝin. Sed poste la sorto gardis lin antaŭ kugloj de liaj malamikoj kaj permesis al li fariĝi reganto de tio, kion li prirevis kaj kion li poste militakiris. Ni rajtas lin kompari ankaŭ kun Marcus Aurelius, kiu subigis la povon al la spirito, ĉar li estis unuavice filozofo kaj nur poste regnestro. »Agi estas facile, pensi estas malfacile, agi laŭ pripenso estas maloportune.« Ĉi tiuj vortoj el la lernatesto de Wilhelm Meister enhavas la spiritajn aventurojn de Masaryk.

El miaj germanaj samnacianoj, kiuj estis enigitaj en lian ŝtaton, multaj certe estas liaj kontraŭuloj. Sed nia tasko ne estas taksi ŝtatiston laŭ avantaĝoj, kiujn li havigas ĝuste al ni; alie ni germanoj devus taksi Nitti pli alte ol Mussolini, Caillaux pli alte ol Clemenceau, Casement pli alte ol Grey kaj Czernin pli alte ol Masaryk; ĉar ĉi tiuj malprofitigis la germanojn, dum tiuj volis utili al ili.

En la tempo, kiu iom post iom denove instruas kredi je la venko de l' spirito super la forto, ni havas la devon montradi je viroj, kiuj estas spirite ligitaj kun la jarcento, kvankam ilia efikado restas nekompleta. Kiam mi demandis al Bernard Shaw, kiu povus fariĝi prezidanto de Unuiĝintaj Ŝtatoj Eŭropaj, li rediris: Masaryk.

Tradukis *O. Sklenčka.*



Jan Stursa: *Prezidanto Masaryk*

*) Patro de la Patrujo.

# LA KUDRILO

**Karel Čapek**

»Kun tribunaloj mi kontaktis neniam,« ekparolis sinjoro Kostelecký, »sed mi diras al vi, ke al mi plaĉas ĝuste la granda akurateco kaj la formalaĵoj kaj ceremonioj, kiujn la juĝistoj kutimas fari, eĉ se temas pri nura bagatelo. El tio ja rezultas certa fido al la justeco. Se la justeco havas pesilon, ĝi do estu pesilo apotekista, kaj se ĝi jam tenas glavon, estu do la glavo akra kiel razilo. Mi rememoras unu okazintaĵon el nia strato.

Iu pordistino, ŝia nomo estas Mašek, aĉetis en butiko bulkojn, kaj maĉante unu bulkon ŝi eksentas pikdoloron en la palato; ŝi do palpas en la buŝo kaj elprenas kudrilon, kiu en la palato enpikiĝis. Nur post momento ŝi ektimis: Jesu'-Kristo, mi povis ja la kudrilon engluti, kaj ĝi trapikus la stomakon! Jen danĝero kontraŭ mia vivo, tio ne estas ja pardonebla! Oni devas esplori, kiu kanajlo inside enmetis la kudrilon en la bulkon. — Ŝi do iris kaj alportis la kudrilon kaj la ne tutmanĝitan bulkon al la polico.

La polico ekzamenis la butikiston, ekzamenis ankaŭ la bakiston, kiu bakis tiujn bulkojn, sed kompreneble ambaŭ malagnoskis la kudrilon. Poste la polico transdonis la aferon al tribunalo, ĉar ja temis, komprenu min bone, pri lezo negrava. La esplorjuĝisto, tipo de konscienca kaj ĝisosta burokrato, denove ekzamenis la butikiston kaj la bakiston; ili ambaŭ jure asertis, ke ĉe ili la kudrilo ne povis eniĝi en la bulkon. La esplorjuĝisto vizitis la butikiston kaj konstatis, ke en sia butiko li ne havas kudrilojn. Poste li iris al la bakisto por vidi, kiel oni bakas bulkojn; li sidis en la bakejo tutan nokton kaj rigardis, kiel oni preparas paston, kiel oni lasas ĝin ŝveliĝi, kiel oni hejtas la fornon kaj plektas bulkojn kaj enfornigas ilin, ĝis kiam ili iĝas ore ruĝaj. Tiamaniere li konstatis, ke ĉe la bulkfarado oni efektive ne uzas kudrilojn. Vi eĉ ne kredus, kiel bela laboro estas la bakado de bulkoj, kaj precipe de pano. Mia karmemora avo posedis bakejon, mi do konas tion. Komprenu min bone, ĉe la panfarado ekzistas du aŭ tri pli grandaj kaj preskaŭ sanktaj misteroj. La unua mistero estas, kiam oni preparas la fermentaĵon; oni ĝin lasas en la knedujo, kaj tiam okazas sub la fermilo ia sekreta transsubstanciĝo: oni devas atendi, ĝis kiam el la faruno kaj akvo fariĝis vivanta fermentilo. Poste oni ,preparas paston kaj knedas ĝin per knedilo: tio do aspektas kiel religia danco aŭ io simila. Tiam oni kovras tion per tuko kaj lasas la paston ŝveli: tio estas la dua mistera transformiĝo, kiam la pasto majeste leviĝas kaj ŝvelas, kaj oni ne rajtas levi la tukon, por scivole ekrigardi — mi diras al vi, ke ĝi estas same bela kaj mirinda kiel la gravedeco. Mi ĉiam havis impreson, ke la pastujo estas io virina. Kaj la tria mistero estas la bakado mem, tio, kio el la mola kaj pala pasto fariĝas en la forno: Jesuo kaj Mario, se oni poste elprenas tian orkoloran kaj ruĝebrunan panbulon kaj ĝi aromas tiel, ke eĉ malgranda infano ne povas pli ĉarme odori, tio estas ega miraklo — mi opinias, ke oni devus dum la tri transformiĝoj en bakejoj sonorigi, same kiel oni sonorigas en preĝejo dum levado de hostio.

Sed kion mi volis diri? — la esplorjuĝisto do estis embarasita; sed cedi pri la afero li ne volis. Li prenis la kudrilon kaj sendis ĝin al la Ĥemia instituto, por ke oni konstatu, ĉu la kudrilo estis en la bulko jam antaŭ la bakado, aŭ ĉu nur poste; sciu, ke tiu juĝisto speciale ŝatis sciencajn ekspertizojn. Tiutempe estis en la Ĥemia instituto iu profesoro, nomata Uher, tre klera sinjoro kun longa barbo. Ricevinte la kudrilon li komence terure insultis la tribunalojn pro ilia tropostulemo, ĉar antaŭ nelonge oni ankaŭ sendis al li intestaron tiel putran, ke eĉ la antaŭsekcisto ne povis elteni la fiodoron; kaj kian do komunecon havas la Ĥemia instituto kun ia kudrilaĉo? Sed poste li iom pripensis la aferon, kaj ĝi ekinteresis lin, komprenu min bone, laŭ scienca vidopunkto. Nu, li diris al si, eble do fakte kudrilo trapasas iajn ŝanĝojn, se ĝi eniĝas en paston aŭ se en pasto oni ĝin bakas: dum la fermentado estiĝas iaj acidoj aŭ io simila, kaj dum la bakado refoje, kaj la supraĵon de la kudrilo tio povas iomete difekti, alivorte korodi: tion oni povus konstati mikroskope. Sekvi li sin ekokupis pri tio.

Antaŭ ĉio li aĉetis kelkcenton da kudriloj, ne sole da tute puraj, sed ankaŭ da pli aŭ malpli rustaj, kaj li komencis en la Ĥemia instituto baki bulkojn. Ĉe la unua eksperimento li metis la kudrilojn tuj en fermentilon, por konvinkiĝi, kiel ilin influas la fermenta procedo. Ĉe la dua provo li metis ilin en freŝe preparitan paston. Ĉe la tria en paston ŝvelantan. Ĉe la kvara en tute ŝvelintan. Poste li enigis ilin ĝuste antaŭ la bakado. Poste dum la bakiĝo. Plue li enpikis ilin en bulkojn ankoraŭ varmajn; kaj fine en bulkojn jam pretajn. Tiam la tutan serion da eksperimentoj li ankoraŭfoje ripetis, por fari kontrolon. Resume: dum du semajnoj oni faris en la Ĥemia instituto nenion alian ol baki kudrilhavajn bulkojn: la profesoro, docento, kvar asistantoj kaj servisto ĉiutage preparis paston, bakis kaj pretigis bulkojn, kaj poste ili mikroskope esploris kaj komparis la rilatajn kudrilojn. Tiu laboro daŭris ankoraŭ pluan semajnon: sed lastfine oni precize konstatis, ke la koncerna kudrilo estis enpikita en bulkon jam finbakitan, ĉar sub la mikroskopo ĝi detale egalas al eksperimentaj kudriloj enmetitaj en pretajn bulkojn.

Laŭ tiu ĉi ekspertizo konkludis la esplorjuĝisto, ke la kudrilo estis enigita en la bulkon aŭ ĉe la butikisto, aŭ survoje inter la bakejo kaj la butiko. Subite la bakisto rememoris, mil diabloj, ĝuste tiutage mi maldungis ja bubon-helpanton, kiu kolportadis bulkojn en korbo! Oni do venigis la bubon, kaj li konfesis, ke la kudrilon li metis en la bulkon, por sin venĝi al la estro. La bubo, ne estante plenaĝa, ricevis nur admonon, sed la majstron oni kondamnis je kondiĉa puno de kvindek kronoj, ĉar li devas garantii pri sia dungitaro. Jen vi do vidas ekzemplon, kiel akurata kaj radikala estas la justeco.

Sed la afero havis ankoraŭ unu rezulton. Strange: en ni viroj enestas ia kurioza ambicio aŭ obstineco aŭ kio — unuvorte, kiam oni en la Ĥemia instituto jam ekbakis la eksperimentajn bulkojn, la ĥemiistoj decidis baki ilin bonaj. Komence ili estis ne tro taŭgaj, nesufiĉe ŝvelintaj kaj iom fuŝaspektaj; sed kredu: ju pli longe oni bakis, des pli bonaj ili estis. Poste oni jam surŝutis ilin per papavaĵo, salo kaj kumino — kaj kiel bele oni ilin plektis! — nu, vera plezuro! Fine tiuj scienculoj fanfaronis, ke tiel eminentajn, rompe-krakajn kaj perfektajn bulkojn kiel en la Ĥemia instituto oni bakas nenie en la tuta Praha.«

El la ĉeĥa: *Miloš Lukáš*

## Du poemoj per prozo

— Emanuel Lešehrad —

### Dimanĉo de la koro

*Mi staras ĉe malfermita fenestro. La strato svarmas de homoj kaj veturiloj trairantaj; la koloroj de la tegmentoj domaj brilas diverskolore en kristala aero, kaj en tera etaĝo momente eksonas raŭka monologo de gramofono.*

*Estas somera antaŭtagmezo dimanĉa.*

*Baldakeno de la ĉielo flamas en koloro de hela violo.*

*La turoj katedralaj kreskas al la nuboj.*

*Mi sopiras aflikite en la straton.*

*Post la pendantaj jaluzioj de kontraŭa fenestro brilas du knabinetoj.*

*Ili legas el granda libro.*

*Ili havas blankan veston, orajn harojn kaj bluajn okulojn.*

*El proksima ĝardeno fontas miela odoro de florantaj olivoj.*

*Mi estas feliĉega kvazaŭ mi estus nur dekdujara. Kaj mi havis blankan veston, orajn harojn kaj bluajn okulojn.*

### La sonĝo de mondcivitano

*Kion vi farus, se vi estus milionulo? demandis min foje amiko.*

*Mi aĉetus jakton kaj mi veturus en la maron: Mi luprenus ĉambretojn kun rigardo al la maro en Amsterdam, en Leningrad, en Lisboa, en Napoli, en Istanbul, en Alexandria, en Capetown, en New York, en Rio de Janeiro, en Adalaide, en Bombay, en Nagasaki, en Hong-Kong. La aranĝo de la ĉambretoj estus tute simpla: tablo, seĝo, lito, apogseĝo, piano, bretaro kun kelkaj libroj de poetoj al mi plej karaj. Se mi alveturus al iu el la diritaj havenoj, mi forirus en mian loĝejon kaj restus tie kiom longe al mi plaĉus. En iu mi gastiĝus eble sole unufoje dum mia vivo. Mi estus tiel en la vera senco de la vorto mondcivitano.*

El la libro: Ponto super la mondo.

*El la ĉeha*: **Geo**



Jan Štursa: *La donacoj de la ĉielo kaj tero*

## Sonetoj al Helena

— Bartoš Vlček —

I.

*Ne estis ja perfid', ke vin mi iris for,*
*kaj mia silentad' ne estis fin' de l' am',*
*vi bone scias ĝin. Sed kiam venis hor',*
*en kiu svenis jam de nia amo flam'*

*kaj esti nur kutim' minacis nia sent',*
*rompiĝi devis ja la aranea ret'*
*pro kiu nia kor inklinis al la tent'*
*nur dormi en ripoz' post la komenca vet'.*

*Suferas ambaŭ ni nun dolĉe en solec'*
*kaj ĉiu duba sent' en ĝi reiĝas klara,*
*unuan amon ja revekos la sopir'.*

*Revenos tiam mi kun plena liberec'*
*en mia freŝa kor'. Sur via brusto kara*
*ripozos mia kap' sen iu plua dir'.*

II.

*Travivas jarojn mi en multa hor'*
*kaj vidas nur la ornuancan gemon*
*de via korp'. Ne sola estas mia kor':*
*jus via buŝ' sur mia vekis tremon,*

*kaj via zon' ĵus ondis sen riproĉ'*
*sub mia manolud' kaj kiel kordo*
*de violon' ĵus kantis via voĉ'*
*kaj via brust' al mia en konkordo*

*sin premas. Trinkas plena de avid'*
*mi fonton de forges' kaj rava sorĉo,*
*en kiu sidas ja eĉ svena tim'.*

*Sur vaga voj' de l' amsopir' sen brid'*
*perdita jam, mi scias, ke por dolĉo*
*de via korp' ne estas iu lim'.*

El la ĉeha: *Rud. Hromada*

# La tridektri ŝavitoj

— Jarmila Hašková —

Profesoro Karlík ricevis la poŝtaĵojn. Li malfermis leteron laŭ aspekto tute decan, sed kun enhavo tre riproĉinda. »Vi, besto,« skribis al li la sekreta adoranto, »se vi kuraĝos rajdi sur Elektra tiel, kiel vi kutimas, anoncu vin ĝustatempe en la Kremacia Societo, por ke vi ne kaŭzu al via vidvino elspezojn.«

»Ha«, diris al si profesoro Karlík kaj liaj okuloj ekludis, »kiu do el tiuj tridektri tio estas?« Poste li ekmemoris, ke la verbon — kontraŭe al gramatika regulo de li instruata — li metis sur la finon de la frazo kaj li rapide sin korektis: »Kiu do estas el tiuj tridektri?«

Li etendis la manon en poŝon por la notlibro kaj elskribis ĉi tiujn nomojn:

Kadraba, Mokrý, Tuček, Holina, Mander, Kalaš, Mašek, Král, Petřík, Chudoba, Kaucký, Pekuláš, Mikeš, Havlíček, Náhlovský, Rokytník, Černý, Čermák, Sýkora, Pavlík, Kokeš, Waraus, Malý, Pešák, Kratochvíl Novotný, Novák, Nováček, Netolický, Lukáš, Franc, Adamíček, Kolařík.

Estis nomoj de tiuj, al kiuj li intencis doni plej malbonan klasifikon. Li kalkulis la nomojn kaj vidis, ke ili estas ĝuste tridektri.

»Ne domaĝas«, diris al si profesoro Karlík, »unu el ili estas li kaj mi lin trovos kaj punos.«

»Kolařík«, diris profesoro Karlík, »diru al mi, kion enhavas la *Eksodos* de Elektra.«

»*Eksodos*«, respondis Kolařík lerte kaj certe, »enhavas katastrofon, la efektivigon de la venĝo sur Klytaimnestra kaj sur Aigisthos.«

»Li ne estas tiu«, diris al si profesoro Karlík, manmovis, ke Kolařík sidiĝu, donis al li noton plej bonan kaj vokis lian najbaron Sýkora. Li rigardis lin kiel polica hundo kaj demandis ruze:

»Kion enhavas la prologo kaj la unua *epeisodion*?«

»La prologo«, respondis Sýkora bele sonore, kiel tion ŝatis profesoro Karlík, »enhavas ampleksan kaj malrapide progresantan eksponon, kiu parte daŭras ankaŭ en la unua *epeisodion*.«

»Bone«, diris profesoro Karlík kaj skribis en la notlibron apud la nomo de Sýkora, ke Sýkora tion sciis tre bone.

»Ni plue serĉu,« li diris al si en spirito, »la cirklo mallarĝiĝas, el la suspektaj restas tridekunu. Čermák, diru al ni, kiel estis dividitaj la roloj en nia tragedio.«

»La roloj«, respondis Čermák fluege, »estis dividitaj inter tri aktorojn: *protagonistes* ludis Elektran, *deuteragonistes* Oreston kaj Klytaimnestron kaj la ceterajn rolojn ludis *tritagonistes*.«

»Sufiĉe,« ridetis profesoro Karlík. Mašek sciigos al ni, kiel estis konsistigita la ĥoro.«

Li ĵetis sur Mašek rigardon, kiu penetrus en la centron de la terglobo, sed Mašek ne evitis liajn okulojn.

»La ĥoro,« sputis el si Mašek, »konsistas el dekkvin sinjorinoj *mykenaj*, amikinoj de Elektra, ankoraŭ ne edziĝinta. La lokoj de la agado estas...«

»Pri tio mi ne demandas vin,« interrompis lin profesoro Karlík. Li skribis al li la unuan klasifikon kaj demandis Novotný, kiel estas karakterizata Aigisthos.

Novotný, kiu neniam sopiris distingon, respondis kun admirinda certeco.

Vokis do profesoro Karlík studenton Mikeš, klakis per la manoj, por voki la atenton de ĉiuj sur sian aperaĵon, kaj prononcis kun voĉo de esplorjuĝisto: »Kion vi diros al ni, Mikeš, pri la kvara *epeisodion*?«

»Mi diros al vi,« ekparolis Mikeš tute familiare, »ke en la kvara *epeisodion* la agado turniĝas por avantaĝo de Elektra. Tio okazas per ŝia konatiĝo kun Orestes. Komenciĝas peripetio.«

»Kaj en la dua, kio okazas en la dua?« daŭrigis profesoro Karlík, signante, ke Mikeš sidiĝu kaj montrante per la mano sur Netolický.

»En la dua la agado kulminas, komenciĝas krizo.«

»Per kio?«

Tiu »per kio« estis destinita jam por Kaucký.

»Pro la sciigo pri la ŝajna morto de Orestes. Elektra estas pelata al decida ago. Ŝi volas efektivigi la venĝon mem,« rapide parolis Kaucký.

Kvin minutojn antaŭ la fino de la leciono estis vokita Havlíček, la lasta el la tridektri.

»Ha,« pripensis profesoro Karlík, »nun vi ne eskapos de mi,« li diris ĝoje, frotante al si la manojn:

»Havlíček, respondu al mi skribe kaj tuj ĉi tiun demandon: Per kio rememorigas Elektra pri Antigone?«

Havlíček sidiĝis por skribi respondon kaj profesoro Karlík malrapide proksimiĝis. Lia rigardo ensorbis sin en la vizaĝon de Havlíček, kiu restis glacie trankvila.

»Mi montros al vi krematorion,« flustris al si profesoro Karlík.

Havlíček skribis.

»Elektra memorigas pri Antigone per sia heroeco, sento por rajto kaj justeco, delikata amo al patro kaj frato kaj per sia pasieco.«

Li sekigis la papereton kaj donis ĝin al la profesoro.

Tridektri paroj da malicaj okuloj rigardis profesoron Karlík.

Profesoro Karlík iris al la fenestro, turnis al la klaso la dorson, elprenis el la poŝo la minacan leteron kaj komparis la skribon.

»Ankaŭ li ne estas tiu«, li konstatis surprizite.

*

## La Leterkesto

— Jiří Wolker —

*La leterkesto ĉe angul' de la strato*
*ne estas ia simpla aĵo nur.*
*Ĝi floras blue,*
*homoj ĝin traktas kun estimo kaj ŝato*
*kaj eĉ kun konfidenc',*
*de ambaŭ flankoj leterojn enmetas,*
*jen kun ĉagrena, kaj tie kun ĝoja senc'.*

*La leteroj kiel poleno brilas blanke*
*kaj atendas vagonarojn, ŝipojn kaj homon,*
*por ke li kiel birdo kaj vent' dissemu ilin ĉiuflanke,*
*— kie estas la koroj,*
*stigmataj ruĝaj,*
*kaŝitaj en roza ĉirkaŭflor'.*

*Se leter' alflugas al la kor',*
*kreskigas ĝi fruktojn*
*dolĉajn aŭ amarajn.*

El la ĉeĥa: *Miloŝ Lukáŝ.*

»Mošta fraŭlino,«
skribis Tuček dum paŭzo, kiam profesoro Karlík forlasis la klason kun sia notlibro, plena de plej bonaj klasifikoj kaj kun sopiro, ke li povu uzi la Roman legaron, kiu punis per morto ĉiujn sklavojn de la mortigito, kiujn atingis la voĉo de la estro.

»Mošta fraŭlino, tridektri savitoj kisas vian maneton. Sinjoro via kuratoro vokis nin pri Elektra ĉiujn unu post la alia kaj ĉiuj estis plej bone klasifikitaj. Mošta fraŭlino, ni ĉiuj portas sur la koro vian koloron kaj en la koro vian bildon.«

»Kaj tamen«, diris al si profesoro Karlík, rigardante post la plej proksima skriba tasko la kajerojn de la studentoj kaj komparante zorge la skribon de la minaca letero kun la skribo de la tridektri savitoj, »kaj tamen mi volus ĵuri, ke ĉi tiun skribon mi jam vidis iam.

El la ĉeĥa *Otto Ginz*.

# Interparolo sub arbo

— M. Jensenová —

Ili kunvenis iun solenan vesperon sub la branĉoj de duonsekiĝinta abio, rememoriganta per malforteta rezina odoro la freŝajn deklivojn de la kamparo. Sur la branĉoj pendis vitraj aĵetoj, multkoloraj paperondetoj kun restaĵoj de ĉokolado kaj malgajaj vaksaj larmoj.

»Kiel kortuŝa tio estis, la svarmo de la infanoj ĉirkaŭ la lumigita arbeto!« ĝemetis libro, kiu kuŝis en ombro post arba submetaĵo dezirinta dum la solena momento ekludi per ploraj ladaj dentoj »Dia nokt', sankta nokt',« sed kies rusta risorto antaŭ mezo de la kanto rompiĝis. »Kia ĝojo, kia feliĉo!«

«Mi miras pri vi,« anoncis sin dika, rozkolora infaneto, kun vizaĝo kudrita el ŝtofo kaj kun blondaj haroj el brile ondigita stupo. »Estante de Kipling vi havas tiajn antaŭdiluvajn ideojn! Infanoj estas vipoj de la hejmo, memoru, mia kara. Ekmemoru sole tiun etan infanaĉon, ŝmiritan ĉie de salivo — kaj ĝi kuraĝis min kisi! Al tia infano oni donas min — ekspoziciaĵon!«

»Komprenu, fraŭlino,« tremigis rozkolora aŭto sian kaleŝaĵon. »Sin hodiaŭ ankoraŭ neniu tuŝis, ŝi havas ja ankoraŭ sian originalan kovrilon sur si. De tie devenas tiu ĝemado de maljuna virgulino. Jes, kara sinjorino Kipling,« ĝi moke elsputis, »por vi, libroj, estas nun malbona tempo apud nia allogemo!«

»Allogemo!« eksusuris senzorge parfumo en facetita boteleto. »Tia ligna plebo kuraĝas ĉi tie ĝeni la kvieton, de mi traspiritan. Kaj entute — mi ne scias, kiamaniere ni aperis en ĉi tiu familio, ĉu ne, kara amikino?«

»Vere, vere,« plenblovis pluma pudrilo sian molan koleton super la opalo de pudra spiro. »Sinjorina mošto ne surhavis eĉ vesperan tualeton kaj la sinjoro estis ja en pantofloj. Eĉ la hejman amikon mi vane atendis. Ŝajnas, ke ĉi tie estos malmulta okazo por flirto!«

Maldika eklumo de luno traŝovis sin tra la kurteno kaj pendiĝis sur brilan stelon inter la verdaĵo konifera. La flatita arbo tremigis siajn vitrajn juveloĵn kaj ekbalancis la oritajn sonoriletojn sur la ĉenfinoj: »Mi aŭdis rakontojn pri la homoj, sed ili havas maldelikatajn manojn kaj ili turmentas min per akraj dratoj. La kisoj de la luno, mola neĝo kaj karesado de la suno estis pli flataj ol aliaj malmolaj brilaĵoj, kiujn ili ĉirkaŭpendigis volante gajni mian favoron.«

»Vi estas ĝuulo, kara sinjoro,« ekgrimacis denove la ŝtofa infaneto. »Mi ne estas tiel absolute kontraŭ tio, sed vestaĵon mi ĉiutempe pli ŝatis. Min ja incitas tiu malĝentileco — mi mendis por mi koloron de hela rozo, tiu pli bone taŭgas al mia vizaĝkoloro, kaj dume tiuj knabinoj sen gusto liveris al mi tian flavan ĉifonon!« Kaj ŝi disĵetis kolere ĉirkaŭ si la malpezan silkon de la jupetoj.

»Ho, vestaĵo!« ekplendis malgaje simpla leda pupo kun lada kapo, senmove kuŝanta sur skatolo kun cigaroj.« La mondo malboniĝis. Mia dio, mia dio, tiel terure malboniĝis! Se eĉ mia alloga nudo ĉe neniu efikas . . .«

Sub vitra kloŝo balancis horloĝo sian noblan oran pendolon: »Jen — viaj plendoj kaj viaj disputoj — ĉu ili ne egalas disputojn homajn? Kio estas via tuta senvalora vivo vi pupoj de la homoj kaj pupoj de la socio? Ĉi tie apude post la muro vivas miraklo — infano dormas tie kaj ĝi estas trankvila kaj ĝi sonĝas pri dia amo kaj pri via perfekteco. Kio estas via vegetado kompare kun la infana sonĝo? Kien vi pelas vin kun viaj zorgoj apud ĝia simpleco? Sole mi rajtas mezuri ĝian profundon kaj interrompi ĝian silkan fadenon! Pupoj de la homoj kaj pupoj de la socio — kio vi estas kompare kun sonĝo de infano?«

La luna radio surglitis sur oran pendoleton, kiu per malpezaj frapoj kalkulis la tempon.

Kaj estis silento sub la sekiĝanta arbo

El la ĉeĥa: *M. Ginzová.*



Otto Gutfreund: *Komerco*



# OBSERVO

## MALLONGA KARAKTERIZO DE KELKAJ AUTOROJ REPREZENTITAJ.

Jaroslav Vrchlický estas plej granda novtempa poeto ĉeĥa, kies riĉega liriko kaj epiko ampleksas la mondon de antiko ĝis tempo moderna, li signifas la kulminon de romantika poezio ĉeĥa kaj li estas la pioniro de kosmopolitismo inter ĉeĥoj — kontraŭe Jan Svatopluk Machar estas reprezentanto de kuraĝa, konkera realismo, kies forto estas pli pensa ol arta — K. Toman ekŝatis kantan, malfarĝan noton, monotonan, sed sentojn tuŝantan — Emanuel Leŝehrad komencis per intima kaj simbolista liriko, el kiu li alvenis en ĝojan prikantadon de la beloj de Universo kaj de la dia misio homa — Jan Vrba kulturas en sia verko precipe la pejzaĝopentradon kaj la animon de Ĥodujo — Karel Čapek kombinas aventure la ĉiutagecon de la vivo kun romantismo de sortaj intervenoj, kiujn li lasas solvi de filozofio de sperta racio — bona rakontanto estas Zdeněk Rón — Jarmila Hašková estas verkistino de familieca humoro — Ŝtefán Krčméry estas delikata lirikisto.

## FRANTIŜEK PODEŜVA,

la aŭtoro de nia kovrilo estas frapanta apero inter la modernaj artistoj, kiu ne maljuniĝis sur la unua stadio de sia evoluo, kiu sciis komplete liberiĝi de la regionismo same, kiel tion faris antaŭ li kaj apud li Filla, Kubín, Ŝíma kaj Zamazal, devenantaj same kiel li el Moravio. Li sciis komplete rompi la feran ringon de la tradicio kaj ne timis enspiri la freŝan eŭropan aeron.

Lia ekspozicio, okazinta en la nuna aŭtuno en Praha, montras provizore la finan staton de lia interesa evoluo. La greka mitologio kaptis pense la pentriston Podeŝva, li vidas ĝin en feliĉa kamparo kaj li montras ĝin al ni per koloroj kaj en kompono laŭ maniero de la nuntempaj artistoj francaj. Figuroj kun mildaj gestoj fariĝis entute parto de la moderna figura pentroarto. Estis geamantoj, banantaj knabinoj, estis lavistinoj, ĝardenistinoj. Ilian devenon oni povas dedukti de la Tahitaninoj de Gauguin, kiuj fariĝis iom post iom personoj sen hejmo kaj sen certa aparteno nacia aŭ rasa. Ke ilin Podeŝva metis en la antikvan Grekion, estas akraspirita trovo kaj inventa ago. Ni konvinkiĝas, ke ili trairis jam la antaŭajn etapojn evoluajn de Podeŝva, sed nur nun ili estas logike veraj kaj realaj en sia primitivismo kaj vivaj en sia multkoloro. Ĉi tie ili venis en la veran patrujon sub la profundan bluon de la ĉielo, al la blua maro, en la lumantan flavon kaj brunon de la suda lando. Ofte ni staras embarasitaj antaŭ la nedifineblo de tiuj estaĵoj, ili estu de Derain aŭ de Picasso: ĉi tie ni ilin plene komprenas. Ĉi tie ili estas en sia vera hejmo, hejme en la mitologie reala suda patrujo.

## F. L.: SKIZO PRI ĈEĤA ARTO.

La ĉeĥa plastika arto, en sia moderna formo, datas de la komenco de la XIX-a jarcento. Ĝian reviviĝon en tiu epoko helpis grave la fondo, en la jaro 1800, de la Akademio de Plastikaj Artoj en Praha, kiu enkondukis la klasikismon en Bohemion. En la unuaj jardekoj de la jarcento, nek la arkitekturo ĉeĥa, nek la skulptarto apartiĝas de la stilo empira, en formo adaptita de Germanujo. La romantikismo de la epoko de nacia vekiĝo (kiu en la politika sfero finiĝis per la revolucioj de la jaro 1848) estis la instigo, ke la ĉeĥa animo ekdeziris manifesti sin ankaŭ per arto plastika. Filo de tiu romantika epoko Josef Mánes (1820—1871) entuziasmis per grandaj monumentoj de la pasinteco, per studado de kamparano ĉeĥa, moravia kaj slovaka, en kiu li vidis gardanton de la tradicioj antaŭulaj, gardanton plej fidelan de la rasa trezoro. Josef Mánes havis videblan tendencon al stilizado dekoracia. Tio, kion oni hodiaŭ nomas »pura pentrado«, brilas eksterordinare kaj vive ĉe Josef Navrátil (1798—1865).

Dum la alveno de la pentrista realismo, kiu sin anoncas ĉirkaŭ la jaro 1860, komencas montriĝi memvola kaj daŭra celado por proksimiĝo al la franca arto. La historia pentrado estis kulturata de Jaroslav Čermák (1830—1878) kaj de Václav Brožík (1851—1901), la pejzaĝo de Antonín Chittussi (1847—1891), ĉiuj tri loĝantaj en Parizo. Kio koncernas talenton pentristan puran kaj simplan, neniu tiam superis la tro frue malaperintan Karel Purkyně (1834—1868). Kontraŭe en tiu direkto verkon finlaboritan postlasis Josef V. Myslbek (1848—1922), kiu sukcesis ekkompreni funde la principojn de la franca realismo laŭ propra maniero kaj laŭ ili krei formon grandiozan, kiu havigis al li la titolon de la fondinto de la moderna skulptista arto ĉeĥa. La patriota noto resonas pli forte kaj pli konvinke ol ĉe iu alia artisto en la verkoj de Mikoláš Aleš (1852—1913) kiu bildigis kun multe da emocio kaj delikateco okazintaĵojn el la pasinteco same kiel scenojn kamparajn. En tiu epoko la arto servis konscie al naciaj politikaj aspiroj. La sekvanta generacio, kiu komencis sian aktivecon ĉe la fino de la jarcento kaj unuiĝis en asocio sub la egido de la granda nomo de Mánes, havi okazon por koncepti la arton malpli tendence kaj sin dediĉi al serĉado de pura formo. Inter arkitektoj de tiu ĉi grupo fariĝis plej eminenta Jan Kotěra (1871—1923) la fondinto de la moderna



*Jan Amos Komenský-Comenius*
(1592—1670)
la Instruisto de la Nacioj, eminenta pedagogo ĉeĥa de tutmonda signifo, parolanta en siaj verkoj ofte pri la neceso de internacia lingvo.

ĉeĥa arkitekturo; riĉe talentita inter pentristoj estis Jan Slavíček (1870—1910), kiu aligis al sia eksterordinara talento scianta osciligi la koloron sub radioj de la lumo, alian ne malpli valoran kapablon: sintezigi la animon de la pejzaĝoj, kiujn li pentris. Max Švabinský (1873) akiris meritítan famon kiel portretisto kaj gravuristo, dum Joža Úprka (1861) preferis bildigi kamparanojn slovakajn kaj iliajn kostumojn vivkolorajn. Dušan Jurkovič (1868) entuziasmiĝis per popolaj konstruaĵoj lignaj por solvi la problemojn de la nuntempa arkitekturo. Tre esprimita senco ornama montriĝas ĉe Alfons Mucha (1860) kiu vivadis dum longaj jaroj en Parizo, kaj ĉe Jakub Obrovský (1882). La verko de Jan Štursa (1880—1925) pruvas instinktan skulptistan talenton kunigitan kun eksterordinara forto kaj regulitan de nobla disciplino rilate formon. Flanke de tiu ĉi generacio la komenco de la 20-a jarcento vidis formiĝi grupon artistan orientitan al kubismo eltrovita antaŭ nelonge en Francujo.



Max Švabinský: *En paradizo*

Arkitektoj Josef Gočár (1880) kaj Pavel Janák (1882), dekoristo František Kysela (1881), skulptisto Otto Gutfreund (1889—1927) eminentiĝis per laboroj plenaj de alta stilo kaj de daŭra arta valoro. Iliaj laboroj estis de la unua komenco modeloj al vico de junaj artistoj, kiuj en la arkitekturo esprimis sin per konstruktivismo de tre sobraj linioj, en la pentrado kulturis kubismon kaj superrealismon. Estas kompreneble, ke en ŝtato sendependa la artaj rilatoj kun fremdlando estas multe pli viglaj ol en la pasinteco, ke la artistoj havas multe pli da okazo sin konatigi ekster la limoj de sia lando.

En la respubliko la moderna arto estas bone reprezentita en kolektoj de la Moderna Galerio de Praha kaj en la Galerio de Brno. Ĉeĥoslovakaj artistoj, ankaŭ en siaj novaj generacioj, irantaj en direktoj plej diversaj, dediĉas sin serioze al fundamentaj problemoj de la arto, por atingi la komunan celon: esprimi per nova maniero plastikan rilaton inter homo kaj universo.

El la ĉeĥa: *Konst. Koutek.*

## KAREL ČAPEK.

Eble la plej forta spirito aŭ almenaŭ la plej signifa verkisto de la literatura generacio ĉeĥoslovaka maturiĝinta dum la lastaj jaroj de la Mondmilito. Per la politikaj renversoj, per sociala revolucio, per la disvolvo de tekniko kaj organizo li lasis sin ne sole intelekte instrui, sed ankaŭ sense kaj morale kapti. Car li kun sia generacio pasie aliĝis al la problemoj de civitana realeco, kiujn li solvas ĉiam sole relative kaj praktike, li kun siaj kunuloj estas konsiderata spirito civila kaj pragmatika. En liaj verkoj, fidelaj infanoj de sia epoko, blovas revolucia humoro, aperas utopia deziro, volbiĝas pensa titanismo, sed Čapek ne gloriĝas ĉi tiujn tendencojn, sed kritikas ilin skeptike kaj deduktas ilian neuzeblon, ja eĉ malutilon por la vivo per sprita dialektiko romana kaj drama. Al sia filozofia konvinko, kiu penetras tra ĉiuj liaj verkoj, donis Čapek plejparte vivan, klaran kaj sugestan formon, kiujn li atingis post siaj junaĝaj provoj pri novklasikismo kaj kubismo kaj en kiu oni povas konstati la influon de literaturo angla, precipe de Wells, Shaw kaj Chesterton. Lia esprimo stila alproksimiĝas efike al la interparolo de la ĉiutago, en kio li estas sekvanto de Jan Neruda kaj de aliaj realistoj. Pli forte ol iu alia el liaj samtempuloj li enportis la ĵurnalistan elementon en la romanon kaj novelon, sed la banalecon per tio kaŭzeblan li evitas per freŝa, sana, vireca bonhumoro.

Dum la unuaj tempoj aperis Karel Čapek antaŭ la publiko kun sia pli aĝa frato Josef. Ilia komuna laboro estas *La franca poezio de nova tempo* (1920), antologio de 52 francaj lirikistoj de Baudelaire ĝis H. Franck, la kolekto *Ĝardeno de Krakonoŝ* (1918) kaj la verko *El la brilantaj profundoj* (1916).

Memstara laboro de Karel Čapek estas lia granda romano *Fabriko de Absoluto* (1922), en kiu li kaprice malkovras la danĝeron de religia Absoluto, liberigita el la materio per ĝia perfekta bruligo, en *Krakatit* (1924) li kritikas la titanismon, kiu per invento de fortega eksplodaĵo starigas la mondon antaŭ katastroofn. La herooteknikisto post tento de mono, amo, politika ambicio, sociala mesianismo trovas savon en la sindono antaŭ la Dio kaj en servo al la homaro. Liaj *Rakontoj el unu poŝo* kaj *Rakontoj el alia poŝo* (ambaŭ 1929) estas parte kriminalaj okazintaĵoj renversitaj laŭ maniero de Chesterton, parte spritaj aŭ kortuŝaj historietoj el la vivo de malgrandaj homoj. La felietona arto de Karel Čapek kulminacias, kiel ĉe Jan Neruda, en la vojaĝpriskriboj. Famaj ankaŭ en eksterlando estas liaj *Leteroj italaj* (1923), *Leteroj anglaj* (1913) kaj *Ekskurso en Hispanion* (1930).

En la sceno aperas Čapek en 1920 per la komedio *Rabisto*. Poste jam sekvas liaj grandaj verkoj teatraj, kiuj portis lian nomon malproksimen en la mondon, trans Germanio en Anglion, Usonon, Japanion, ankaŭ en Hungarion, Polion, Sovetunion, en nordajn landojn ktp. En *RUR (Rasion-Universal-Robotoj,* 1920) li kritikas en kadro de utopio la maŝinan civilizon. Lia triakta revuo kun prologo kaj epilogo *El vivo de insektoj* (1921), far-



Josef Mánes: *Mateno*

ita kun la frato Josef, diras nihilistan verdikton super la homa penado de seksa amo, privata posedaĵo, civitana kaj milita heroeco. *La afero Makropulos* (1922) estas tragikomedio de titana sopiro je senmorteco. Ambaŭ fratoj kunlaboris ankaŭ en *Adam, la kreinto* (1927), kiu tamen ne spegulas la genion de la aŭtoroj.

Studojn filozofiajn en amuza maniero prezentitajn enhavas la *Pragmatismo aŭ filozofio de praktika vivo* (1917), sprita analizo lingva estas *Kritiko de vortoj* (1920), en pluraj verkoj: *Pri aferoj plej proksimaj, Skandala afero de Jan Holoušek, La jaro de la ĝardenisto* kaj en multaj aliaj li montras sin vera majstro de la lingvo, observanta akre la vivon, vive reaganta al la aktualaĵoj kaj ĉiam preta helpi la prematojn.

En Esperanta traduko aperis libroforme RUR, krome multnombraj rakontoj kaj noveletoj en la gazetaro.

*Arne Novák*

# DISKUTO

## LETERO AL S-RO BENNEMANN

### koncerne lian recenzon pri la „Parnasa Gvidlibro"

Kara Samideano!

Aŭtoro toleru silente la batojn de recenzanto: mi rekonas ĉi tiun devon, se ne etikan, almenaŭ etiketan. Sed ĉi tie ne te nas pri batoj (kiujn cetere vi eĉ ne donis), sed pri diverseco de opinioj, kiujn oni certe povas pridiskuti. Kaj mi konfesas, ke mi ambicias konvinki vin, unu el la plej kleraj kaj klarvidaj kolegoj, pri la ĝusteco de kelkaj niaj opinioj. Ne, ĉar ili apartenas al ni, sed ĉar ni akiris ilin post longa pripenso kaj konsiderado kaj ni kredas, ke ili donas la solan solvon por nesolvitaj problemoj.

Unue, temas pri la ritmo. Ĉu vi ne vidas, ke ĉi-rilate regas anarkio? Germanoj kaj rusoj tenas sin al rigida ritma skemo, kiu evidente ne taŭgas al la lingvo, ĉar trudas al ĝi nedigesteblajn inversojn de vortordo. Latinidoj, precipe katalunoj, male, uzas tute liberan, silabnombran metrikon, kiu same ne konvenas al la lingvo, ĉar estigas karambolojn de plenakcentaj siloboj, netolereblajn pro la peza forto de la esp-a akcento. Nu, ni faris — per la ĝeneraligo de la ritmaj permesoj uzitaj de Zamenhof — tre komfortan kompromison, kiu perfekte konformiĝas tiel al la frazkonstruo, kiel al la sonkaraktero de la lingvo, kaj — ĝuste per ĉi tiu konformeco — mirinde faciligas la meton de elegantaj, lingve ne perfortitaj versoj. Oni devas nur akcepti ĉi tiun sistemon, por ne plendi plu pri la netaŭgeco de esp-o por la poezio. Kaj se oni jam ĝenerale akceptis ĉi tiun metrikon — kion ni esperas — ĝi estos *la* esp-a metriko, al kiu oni same povas kaj devas alkutimiĝi, kiel al iu ajn nacilingva metriko. Ĉar, ĉu ne, se vi legas versojn en la itala aŭ franca lingvo, vi ne kritikos ilin laŭ germanaj metrikaj reguloj? Vi parolas pri via »germana ritmosento«. Nu, vi devas ĝin formeti, kiam vi legas alilingvan — ankaŭ esp-an poemon. Same faros la franca, angla, rusa; itala, kataluna, hungara, japana esp-istoj, kaj tiel iom cedinte, multe gajninte, ili renkontiĝos en la bela ora mezo.

Dum nun, la afero statas tiel, ke ĉiu uzas sian nacilingvan metrikon kaj staras fremde antaŭ la alilingva. Tiel, ke ĉiu ĝuas nur la poemojn tradukitajn el lia propra lingvo, kiujn ja multe pli perfekte li povus ĝui en la originalo.

Facileco kaj unueco — ĉi tiuj du grandaj avantaĝoj, laŭ mia opinio, valoras tiom, ke oni estu malpli severa kaj rigida, precipe, se oni, kiel ankaŭ vi, tre klare rekonas, ke la severeco kaj rigideco starigas apenaŭ trairheblajn malhelpaĵojn antaŭ la esp-a poezio.

Cetere tiuj severo kaj rigido tute ne havas ankoraŭ tiel firman tradicion, ke oni ne povu ilin iom moligi. Grabowski en Sinjoro Tadeo uzis la liberan polan metrikon kaj Zamenhof, kvankam li klopodis sin teni al severa skemo, ofte permesis al si licencojn. Guste tiujn ĉi



Jaroslav Čermák: *Virino el Montenegro kun infano*

ni ĝeneraligis, farante el ili permesregulojn. Ni opiniis: se Zamenhof, kiu laboris tiel zorge kaj konscience, tamen uzis ilin, ili nepre devas esti kelkfoje neeviteblaj. Kaj kio estas neevitebla en lingvo, tio devenas el la naturo de la lingvo, do oni ĝin ne hontu, oni prefere faru el ĝi regulon.

Due, mi volus respondi pri la afero de l' logiko. Nu, kompreneble mi ne volis senkulpigi gramatikajn erarojn. Mi volis nur emfazi, ke la poeto povas kaj devas libere uzi tiun flekseblecon, kiun havas nia lingvo, ĉar ja ĝuste tiu ĉi fleksebleco ĝin taŭgigas por poezio. Kaj kontraŭ tio oni neniel povas argumenti per la ekzemplo de Zamenhof. Jen, la esprimoj de vi stampitaj grandparte ja havas analogaĵojn en la zamenhofa lingvuzo. *Kvinjambo* estas pravigita per *centjaro; fluido* per *acido; apostrofa* (apostrofhava), *akcenta* (akcenthava), *manka* (mankhava) per *ĉagrena* (ĉagrenhava), *fiksa* (fikshava), *ŝtona* (ŝtonhava); *kaŝo* (kaŝiteco) per *embaraso* (embarasiteco). Pri *hoki*, mi atentigas, ke substantivradikaj verboj povas esti uzataj netransire, kiam ili signas ne laboron *per* la respektiva objekto, sed la funkcion de la objekto mem. Se oni diras: koro martelas (funkcias kiel martelo), ĉu oni ne povus diri: la fiŝosto hokas (funkcias kiel hoko)? *Taski, duopi, traponti* eble ŝajnas strangaj kaj dubaj en si mem, sed kun la teksto ili estas tute unusencaj kaj unuavide klaraj, ili do tute respondas al la principo »sufiĉo kaj neceso« kaj krome ne pekas kontraŭ fundamenta aŭ tradicia regulo. Kaj se vi bonvolis honori miajn versojn per la laŭdo, ke ili »donas simplan komprenon«, tio estas sufiĉa pruvo, ke uzante la flekseblecon de esp-o, la poetoj marŝas sur tre bone irebla vojo. Kaj se vi timas, ke tiuj eraretoj kvazaŭ infektos la esperantistojn, mi devas diri, ke mi tre ĝojus, se en iliaj tekstoj oni trovus nur tiajn eraretojn.

Trie, parolante pri la neologismoj, mi tre ĝojas, ke antaŭ via klarvido mi ne devas min defendi kontraŭ la akuzo pri »infana vortfabrikemo« kaj »nekapablo precizigi ideon«. Vi ja mem konfesas, sciante tion el praktiko, ke »la klasika Esperanto estas tre malfacile uzebla por versoj«. Niaj opinioj diverĝas nur en tio, ke vi prefere rezignas pri la poezio, dum ni volas la lingvon por tio perfekte taŭgigi.

Nu, permesu diri, ke ĉi-rilate ni estas pli zamenhofaj

ol vi. Jen ekzemple citajo el la Lingvaj Respondoj: »*Estas tre dezirinde, ke ni ne evitu malfacilajn tradukojn, sed kontraŭe, ke ni ilin serĉu kaj venku, ĉar nur tiamaniere nia lingvo plene ellaboriĝos. Unu el la plej ĉefaj taskoj de niaj verkistoj devas esti la ellaborado de nia lingvo.*« Kaj ke Zamenhof ĉi tie ne aludis nur pri malfacilaj prozaj tekstoj, tion montras, krom liaj versaj tradukoj, ke estis li, kiu ne ĉesis kuraĝigi la dubantan Grabowski por la traduko de Sinjoro Tadeo. Kaj mi estas certa, ke li ĝoje aŭdus, ke iu kuraĝis ektraduki la Inferon de Dante.

Kaj kion signifas ja tiu *ellaborado* de la lingvo? Certe du aferojn: *plifleksebligon* kaj *pliriĉigon*.

*Iom post iom* — diris Zamenhof — kaj prave. Sed tiu *iom* ankaŭ ĉe li ne ĉiam signifis *iomete*. Grandaj taskoj certe postulas iom pli grandajn paŝojn ol malgrandaj. La Biblio pli, ol la Fabeloj de Andersen. Kaj Sinjoro Tadeo, Eterna Bukedo kaj Infero de Dante eĉ pli grandajn, ĉar ili ja estas en versoj. La neologismoj de mi revivigitaj aŭ enkondukitaj naskiĝis el ĉi tiuj du taskoj.

Vi diris, ke oni prefere lasu la poezion en ĝia stato, *almenaŭ nun*. Sed ĝis kiam do ni prokrastu? Kiu diros, kiam alvenis la tempo? Kaj, se esp-o, kiel vi diras, havas pli gravajn taskojn, ĝi ja certe havas aŭ havos taŭgajn homojn, kiuj ilin faros. Kion faru tiu, kiu sentas en si kapablon sole por la poezio? Ĉu li eksilentu, ĉu li ne faru la laboron, kiun li deziras kaj ankaŭ kapablas fari? Ĉu tio ne estus perdo por la lingvo? Ĉu Esperanto povas permesi al si la lukson, ke ĝi mortigu siajn poetojn, ĉar ankoraŭ ne alvenis ilia tempo?

Endanĝerigo! — jen la timo, kiu naskis en vi ĉi tiun Herodan postulon. Sed ĉu vere la pliriĉiĝo endanĝerigas Esperanton? Ĉu la literaturaj vortoj eksprese penetros en la ĉiutagan lingvon por ĝin konfuzi? Ĉu niaj komencantoj rapidos plenigi siajn leterojn per ĵusnaskitaj neologismoj por la senkomprena miro de ilia korespondanto?

Vi certe mem ridetos pri ĉi tiu supozo. Al ĉiu esp-isto plej familiaraj estas la vortoj, kiujn li lernis el sia lernolibro, el tiuj vortoj do li kunmetas sian ĉiutagan parolon, sian simplan skribon. Por uzi pli grandan, pli »altan« vortprovizon, oni bezonas jam certan forto-streĉon, kian oni faras nur, kiam oni metas pri la stilo pli grandajn pretendojn. Interese estas ĉi-rilate rimarki, kiel malofte oni uzas en la ordinaraj parolo kaj skribo eĉ tiujn *oficialajn* vortojn, kiuj troviĝas jam trans la sfero de la simpla stilo. Kaj tamen, ĉiu bona esp-isto konas, komprenas ilin.

Do, kompreno de vorto kaj uzo de vorto estas aferoj malsamaj. Multe pli facile oni lernas vorton *kompreni* ol *uzi*. Ekzemple mi komprenas preskaŭ la tutan germanan literaturan vorttrezoron, sed la vortprovizo, kiun mi povas senkaprompe *uzi*, estas tre mizera. Kaj same estas pri Esperanto kaj same estos ĝis tiu tempo, kiam ĝi fariĝos por ĉiu la dua lingvo, lernita jam infane kaj uzata senĉese. Sed tiam, ĉu ne, ne gravos plu, ke tiu lingvo estu tiel fabele facila.

La supre nomita cirkonstanco, laŭ mia opinio, perfekte certigas, ke la poeziaj vortoj ne invados la komunan lingvon, ili do ne tuŝos la cirklojn de la »simplistoj«. Same, kiel la francaj poeziaj vortoj neniam estas uzataj en simpla parolo aŭ en gazetartikolo. Same, kiel la arkaiĝintaj vortoj de poetoj, kiujn oni studas en la lernejoj, neniam sin trudas sur la langon de la lernanto, kiam li babilas kun siaj amikoj. La propagandistoj kaj ignoristoj do povas esti tute trankvilaj, la poezio ilin lasas tiaj. Sed eble ankaŭ la poetoj povas peti reciproke, ke tiuj ne ekskomuniku ilin.

Ĉar nuntempe oni ofte faras tiajn ekskomunikojn. Eĉ pli. Oni kvazaŭ penas konvinki la esp-istojn, ke ili nepre devas esti maldiligentaj, ignoremaj, eĉ stultaj, ili devas rifuzi lerni novajn vortojn, eĉ se la aŭtoro estas tiel kompleza, ke li listigas ilin je la fino de la libro, por ŝpari al ili kaprompon kaj serĉadon. Pri la kvindek ĝisnunaj neologismoj de Literatura Mondo (sur proksimume 1000 libropaĝoj) estiĝis tuta aparta literaturo, oni parolas pri »sufoka atmosfero«. Sed oni forgesas, ke ĝi estas literatura revuo kaj donas multajn poemojn, do ĝi uzas ne nur la komunan lingvon, kiel raporta aŭ propaganda gazeto.

*Tio cetere ne estas nur nuntempa malsano.* En malnova recenzo (el 1914) mi legas averton kontraŭ verko, kiu enhavas la vortojn: aktiva, determini, miskompreni, aflikti, inverse, abunda, absorbi, heziti, akuzi, ekzakta, redukti, agnoski, trista, rara (ĉiuj oficialaj nun, escepte de lastaj tri). Aliflanke estas interese ke la sama severa recenzinto (Marie Hankel) skribas en la sama jaro: »*Fanatismo estas la senindulga persekuto de novaj vortoj, la ĉasado, elspionado de ili. Povus ja okazi (jen hipotezo), ke iu verko, anonime prezentita de nia Majstro mem, pro kelkaj novaj vortoj estus mallaŭdata, ĉar la nekonata aŭtoro uzis »neaprobitajn« vortojn. El tiu ĉi hipotezo oni povas vidi, kien kondukas fanatismo.*« Ĉi tiun citon ne al vi mi adresas, sed al sinjoro *Fischer*, kiu eltrovis la »evoluon sen evoluigo«, parencan al la hungara »ferringo el ligno«.

Jes! la ekzemplo de Zamenhof! Mi ne volas ree per ĝi argumenti. Mi diras nur, ke estas nedireble domaĝe por nia poezia lingvo, ke li ne povis fini, aŭ almenaŭ parte fari tiun grandan vortaron german-esperantan, kiun li planis antaŭ sia morto, intencante per ĝi vere kompletigi la lingvon, donante proponojn por multaj ĝis tiam mankantaj nuancoj. Almenaŭ tion oni konjektas el lia letero skribita al sinjorino Hankel (14. II. 1917): »Mia vortaro kompreneble ne havos *oficialan* karakteron, ĝi estos nur *provizora helpa* vortaro por tiuj, kiuj por iu ajn ideoesprimo ne povas trovi *pli bonan* vorton.« Tiajn singardajn vortojn la Majstro uzis kutime antaŭ granda paŝo.

Sed mi ne povas senfine longigi ĉi tiun leteron, kaj tial mi volas diri kelkajn vortojn nur pri la mal-vortoj ankoraŭ. Dum la Parizo kongreso, en gaja kafeja societo sinjoro Warnier petis sinjoron Schwartz: »Bonvolu malfermi la fenestron!« Kaj Raymond Schwartz, certe ne malbona esp-isto (kaj krome franco, al kiu estas gepatra la radiko *ferm*) bele — fermis la duonfermitan fenestron. Ĉirkaŭ dekdu atestantoj estas je dispono.

Mi aldonas, ke la silabon *mal* ne forglutis la bruo, Raymond Schwartz ĝin tute klare aŭdis. Sed ankaŭ tiu eblo de forgluto estas konsiderinda, ĉar ĉe certaj vortoj (malsupre, maldekstre), en certaj cirkonstancoj, ĝi povas alporti danĝeron.

Mi devas fini, do mi ne povas paroli nun pri tio, kial bezonas nepre riĉan vortprovizon la literatura, precipe la poezia lingvo — cetere ĉi tion mi ne devas pruvadi al vi, kiu, laŭ la atesto de viaj vortoj, scias tion same bone kiel mi. Do ties priparolon mi prokrastas ĝin alia okazo, kiam mi intencas tuŝi la demandon pri l' orientanoj, diri mian opinion pri tio, kiom niaj proponoj estas rigardeblaj kiel definitive lastaj, kaj en kia direkto bezonas ankoraŭ prilaboradon la poezia vorttrezoro.

Mia ĉefa celo nuna estis vin konvinki pri tio, ke la riĉeco de la poezia lingvo tute ne endanĝerigas Esperanton. Sukcesinte tion fari, estus tre kontenta kaj feliĉa

samideane via:

*K. Kalocsay*

---

La nunan numeron dediĉitan ekskluzive al la

**ĉeĥoslovaka numero**

redaktis kaj prirespondas: S-ano *Otto Ginz, Praha.*

---

Al la januara numero ni aldonos detalan Enhavtabelon. Abonanto, kiu ne plu povas aŭ volas aboni ricevos ĝin sendinte neadresitan respondkarton.



Vi KRIMAS

Se ne sufiĉas al vi tempo tralegi la tutan verkaron de D-ro Zamenhof, almenaŭ kaptu ĝian esencon per

**ZAMENHOFA LEGOLIBRO**

Plej modela legolibro por superaj kursoj, enhavantaj eltiraĵojn el Zamenhofaj tradukaĵoj kaj originalaĵoj kaj pri Z-aj verkoj
Broŝ. 13×19 cm, 144 p. Dolaroj 0.34

**Ariŝima:**
**Senbedaŭre Amo Rabas**
Majstra verko de l' aŭtoro de „Deklaracio", kiu sinmortigis kun la amatino pro ama afero
Bind. 0.68, broŝ. 0.51

**Iŝihara: Verda Karto**
Premiita romano ĉe konkuro temanta post-50-jaran vivon Broŝ. 0.51

**I. U.: Verda Parnaso**
Originalaj poemoj kaj tradukoj el japanaj poezioj Broŝ. 0.57

**Akita: Danco de Skeletoj**
(Teatraĵo) 0.30

**Nacume: Turo de Londono**
(Noveleto) 0.15

**Jamamoto: En la Nebulo**
(Radiodramo) 0.15

**Ossaka: Fabloj de Ezopo**
0.40

**Cujuki:**
**Ŝtala Biblio de Samurajismo**
0.15

**Tokieda:**
**Pri Origino de Japana Popolo**
0.07

**Granda Lernado kaj Doktrino de Mezeco**
Unua libro de Konfuciismo 0.43

**Japana Ŝlosilo**
0.03

Prezoj en usonaj dolaroj afrankite

**Eld. de Japana Esperanto-Instituto, Tokio**
**Mendeblaj ĉe LITERATURA MONDO**

kontraŭ vi mem! Vi ne sendis la aliĝilon al




## Literatura Mondo por AELA

Budapest, Hugarujo, IX., Mester ucca 53, V. 7.

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István